# REGo

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* № 2 (69) aprilo 2012




**en la numero**



**Moskvo, 2012**

# enhavo





*Anja Striganova kaj Dima Ŝevĉenko tre multe faris por la sukceso de la LF en RUDN*

**REGo**

**(Rusia Esperanto-Gazeto)**

**№ 2 (69) aprilo 2012**

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Garik Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* gazeto@mail.ru

***abontarifoj por 2012:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 500 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo “Яндекс.Деньги”

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

***elektronika abono*** *– 200 rub. (5 eŭroj)*

# A P E R O - 6



## BAZAJ INFORMOJ PRI LA ESPERANTA RENKONTIĜO

APERO estas tradicia aranĝo de Moskva junulara E-Klubo MASI. Ĝi pasas unufoje jare, februare-marte, kaj estas dediĉita al la naskiĝtago de la klubo (24.02.1995). En 2012 okazis la 6-a APERO.

CELO: paroligo de esperantemuloj, klerigo de scivolemuloj, kutimigo de novuloj al modela E-parolanta E-renkontiĝo, aktivigo kaj inspirado de MASI-anoj kaj aliaj partoprenantoj por plia E-studado kaj agado, aktivado kaj ripozo en amika kaj ĝojiga E-etoso.

CELGRUPO:

– kursanoj de la baza E-kurso "FaRo" kaj aliaj E-kursoj de EK MASI;
– membroj de la E-Klubo MASI;
– memlernantoj de Esperanto, aspirantaj la lingvan praktikon.

NEMALHAVEBLAJ KONTRIBUANTOJ:

– fluparolantaj esperantistoj, kontribuantaj al la kleriga kaj distra programoj.

ALIAJ PARTOPRENANTOJ:

– kursanoj de ĉiaspecaj E-kursoj, al EK MASI ne apartenantaj;
– ĉiuj esperantemuloj, serioze agorditaj progresi en E-o kaj E-kulturo;
– ĉiuj bonparolantaj esperantistoj.

MALRAJTAS PARTOPRENI:

– malbonparolantoj E-e, ne kapablaj prizorgi sian ekziston sen uzi la rusan aŭ

alian lingvon, krom E-o;

– bonparolantoj E-e, kiuj transiras de E-o al alia lingvo, komunikiĝante kun APERO-partoprenantoj;

– etos-rompantoj, skandaluloj, klaĉuloj kaj malsimpatiantoj al Esperanto, EK MASI, ĝia agado kaj ĝiaj membroj;

– eksaj APERO-partoprenintoj, rompintaj la Lingvan Disciplinon aŭ amikan etoson;

– homoj, ne aliĝintaj anticipe kaj ne ricevintaj konfirmon de la organizantoj pri sia partopreno.

LINGVA DISCIPLINO

estas sindevigo paroli dum la aranĝo kun APERO-partoprenantoj ĉie kaj ĉiam nur Esperante. E-neparolantoj traktu la aranĝon kiel trejnadon por mutuloj, kiuj kapablas eldiri nur tion, kion ili povas vortumi en E-o. Ili rajtas uzi ajnan helpilon, inkluzive pli spertajn homojn.



***Ĉiu APERO-partoprenanto devis konfirmi konatiĝon kaj konsenton kun tiuj ĉi reguloj.***

Tri lastajn fojojn la evento okazis en la apudmoskva ripoz-bieno "Jerŝovo" (apud la urbo Zvenigorod, 40 km okcidente de Moskvo), kie ĉiuj partoprenantoj loĝas surlite en unu dometo, sen iuj fremduloj, kaj ĉiuj programeroj (krom la surkortaj) pasis endome.

Kvanto de la partoprenantoj ĉi-foje estis 44. La aliĝperiodo daŭris 2 monatojn antaŭ la komenco de la aranĝo kaj finiĝis semajnon antaŭ ĝi. Anticipa aliĝo kaj neredonebla antaŭpago (10% de la tuta bazeja prezo) nepris. Pri nealiĝintoj la organizantoj ne zorgis.

## APERO-6 EN CIFEROJ KAJ FAKTOJ

La numero: 6.

La datoj: 16-a –18-a de marto 2012.

La situo: 40 km okcidente de Moskvo, 40-minuta aŭta veturado de la avenuo Kutuzovskij, 1,5 horojn trajne de la Belorusa stacidomo.

La ejo: 14 ĉambroj kun 33 litoj + iom da faldlitoj en 1 dometo, troviĝanta en 38-hektara teritorio de la antikva bieno de grafo Olsufjev kun parkego kaj lagetaro.

La manĝado: 3-foja tage, kvanto de proponitaj en la manĝejo kaj konsumitaj pladoj nekalkuleblas.

La organizantoj – 2: EK MASI kaj Garik Kokolija.

La subvencianto – 1: REU.

La celoj – 3: E-parolado, E-kulturigo, ripozo en amika kaj malstulta E-etoso.

La labora kaj ĉiutaga lingvoj – 1: Esperanto.

La temoj – 2: E-kulturo, E-movado.

La laŭtemaj programeroj – 11.

La ludoj – 7 lingvaj kaj 3 surtablaj.

La koncertoj – 3: de Lena Melnikova, Mikaelo Povorin, Mikaelo Bronŝtejn.

La gitaristoj-kantistoj – 6: Mikaelo Bronŝtejn, Mikaelo Povorin, Sergej Straŝnenko, Svetlana Dudaleva, Lena Melnikova, Oĉjo Ĉajka.

Aliaj programeroj – 13.

Komuna kantado – regule.

La kanta vizitkarto de la aranĝo – 1: "33 aperoj".

La flago – Esperanta.

La koloro de la vestoj – verda-blanka.

La partoprenintoj – 44 personoj, el kiuj:

– 17 inoj, 25 malinoj, 2 infanoj;

– la plej juna (krom la infanoj) – 17-jara, la plej aĝa – 71-jara;

– 22 membroj de la Moskva junulara E-klubo EK MASI kaj kursanoj de FaRo;

– gastoj el aliaj urboj – 11: po 2 el Ivanovo kaj Jaroslavlj, po 1 el Rigo, Ĉeljabinsk, Novoĉerkassk, Soĉi, Tiĥvin, Uljanovsk, Naro-Fominsk;

– 6 komencintoj, 10 progresantoj, 26 fluparolantoj, 2 krokodilantaj infanoj;

La Persono de la APERO – Mikaelo Bronŝtejn.

La nemalhaveblaj organizantoj: Irina Gonĉarova, Garik Kokolija (enloĝigo kaj financoj).

La dankendaj partoprenintoj: ĉiuj!



La sekva APERO: numero 7.
Datoj: 22-23-24.02.2013 en la sama bazejo.
Aliĝperiodo kaj antaŭpagado: 01.01-17.02.2013.
Kvanto de partoprenontoj: 45.
La grupo en “VKontakte”: <http://vk.com/club36862024>.

***Irina Gonĉarova (Odincovo)***

## IMPRESOJ PRI APERO-6

Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)

Kara APERO!

Mi ricevis multajn impresojn; se mi kalkulu – eble, ĝis dudek, kaj ĉiuj estas pozitivaj. Sed la ĉefa estas, ke en APERO reaperis mia bona humoro, antaŭe ie perdita. Mi esperas, ke nun mi konservos ĝin por longtempe. Dankon!

***

Aleksej Lebedev (EK MASI)

Fakte, mi ne povis imagi, ke APERO plaĉegos al mi! Verdire, mi pensis, ke mi sentos min ĉi tie absolute fremde kaj perdite. Sed mi esperis, ke mi renkontos kaj ekkonos novajn interesajn homojn. Mi tre ĝojis esti ĉi tie, kaj mi volas ripeti tion multfoje! Mi ne povis imagi, ke mi kapablos paroli Esperante preskaŭ flue kaj aliaj homoj komprenos min sen problemoj! Mi dankas la organizantojn tre multe, ĉar mia tempo ĉi tie estis nepriskribebla! Ĝi memorigas al mi pionirajn tendarojn, sed nur en Esperanto, kaj pli gaje, kaj pli interese. Kaj la kompanio estas bonega, ĉu? Kaj mi devas diri, ke ĉio estis neatendeble facila, feliĉa kaj hela! Mi tre ĝojis! Dankon pro la bonega etoso!

***

Ilgiz Galejev (Moskvo)

Mi tuj diru, ke ĉio, skribita sube, estas nur subjektivaj impresoj aŭ provo prezenti, kiel E-komunumo aspektas deflanke. Tio ne estas konkludo definitiva por konstrui sur ties bazo rilatojn kun E-komumumo.

Kio plaĉis al mi:

Lingva disciplino regis! Mergiĝo en la lingvon estis bonega! Mi jam delonge ne travivis tion! Eĉ malfacilis: vortoj mankis ktp. Sed la gramatiko ne mankis: mi pretas eksperimenti pri ĝi – ĝis fali senpulse... La avantaĝo de lingva etoso estas tio, ke oni kaptas vortojn kaj gramatikon sen peno.

(Mal)avantaĝo:

Eble mi malfruis veni al Jerŝovo kaj maltrafis ion, sed al mi mankis aranĝaĵoj por konatiĝo, etoskreado, io kiel teamkonstruado.

Malavantaĝo:



Al mi ŝajnis, ke estas tro multe da parolado pri E-o, ĝia rolo, signifo ktp. Mi komprenas, ke tio gravas, sed miksindus kun io alia. Jes, estis desegnado, prelego pri la fratoj Strugackij (kion mi bonsorte maltrafis, sed volus viziti), prelegoj pri skribsistemoj... Sed diskutadoj de E-istoj pri E-o kaj siaj rilatoj al E-o forpuŝas homojn (deflanke E-etosumo aspektas kiel fanatika sekto – se mi scius nenion pri E-o kaj E-istoj, mi dirus, ke trafis en sekton).
Al mi ŝajnis, ke estis tro da tradukaĵoj, speciale el la rusa. Kial mi devas aŭskulti "Apudmoskvajn vesperojn" en E-o, se mi ne ŝatas ĝin en la rusa? Ne, certe la kanto estas belega, sed la problemo estas, ke la plimulto de la kantoj estas ne nur tradukitaj, sed antikvaj. Oni sentas, kvazaŭ E-komunumo vivas en la pasinto. E-istoj estas konservataj en sia etosumo. Ĉio ĉi aldonas pli da artefareco al tio, ke ni rusparolantoj parolas en iu stranga lingvo. (Mi devas aldoni: mi ne komprenas poezion, tial la impreso pri poezio kaj kantoj estas ege subjektiva.)
Ideo (certe ne originala!): estus bonege inviti E-istojn de aliaj landoj. E-o estas internacia lingvo, kaj estas evidenta, ke necesas eksterlandaj E-istoj. E-o estas internacieco. Idealo estas kiam la sola komuna lingvo estas E-o. (Mi ripetu: mi dubas, ke mi estas la sola, kiu pensis pri tio.)
Interalie, estis eventoj, kiujn mi tre ŝatis. Ĉio ne estis tiel malbona, kiel mi jam skribis antaŭe. Mi vere ŝatis Brunan Ŝtonon – karisman homon. Mi aŭskultis liajn kantojn kun plezuro. Al mi ankaŭ plaĉis la prelegoj, la irlanda fabelo. El personaj eventoj al mi plaĉis la lasta nokto, kiam mi kaj Svetko legis tekstojn kaj aŭskultis kantojn en diversaj lingvoj, provante traduki ilin. En E-on. Ni ne krokodilis kaj ne aligatoris...
Alvorte, ĝojigis min, ke inter E-istoj estis nemalmulte da nelingvistoj unuflanke, aliflanke – nemalmulte da poliglotoj.
Mi devas ankaŭ diri, ke miaj impresoj estas miksitaj kun nesufiĉdormado: iuj aranĝoj de APERO preterflugis min, tial mi ne rajtas pretendi pri pleneco de mia imago.



***

<u>Julija Samsonova (EK MASI)</u>

Mi volas nur diri, ke mi absolute ne povas pensi pri io alia, krom APERO kaj miaj impresoj post ĝi! Dankon! Kaj mi esperas, ke tio estas nur komenco por mi! Se mi havis jam sonĝojn en Esperanto, tio signifas, ke mi estis tre feliĉa dum la APERO.

***

Dmitrij Borodajev (Naro-Fominsk)

La renkontiĝo APERO-6 tre plaĉis al mi. La renkontiĝo estis tre interesa ĉar multaj interesaj homoj – spertaj esperantistoj – partoprenis en ĝi. Speciale tre interesa al mi estis renkontiĝo kun M.Bronŝtejn – ĉarma persono, tre bona muzikisto, kantisto, poeto kaj bonega rakontisto. Esperanta etoso de la renkontiĝo estas neforgesebla por mi, tiom multe da agrablaj interesaj homoj mi renkontis, kaj ĉiuj estis plenaj de entiziasmo. Ĉiuj partoj de la aranĝo estis interesaj – ludoj, koncertoj, kantoj, rakontoj kaj prelegoj, estis tre bona teatraĵo de Lena Melnikova. Ĉiuj partoprenantoj parolis nur Esperante, kaj parolis bone, eĉ tiuj kiuj ĉeestis la unuan fojon. La aranĝo estis tre bone organizita. Koran dankon al ĉuj organizantoj de tiu bonega aranĝo, kaj ankaŭ dankon al ĉiuj samideanoj kiuj partoprenis en ĝi. Mi volus nepre partopreni en la sekva APERO.

***

Irina Gorodeckaja (Novoĉerkassk)

Mi trafis en APERO-n sufiĉe neatendite – min alvokis "ena voĉo". Mi tre ĝojas, ke ĝi pravis. Grandan dankon al la organizantoj kaj partoprenintoj. Al mi ne estis tre facile (male!), sed estis tre interese. Longan vivon al APERO!

***

Sergej Straŝnenko (Rigo)

Trompo!

La moto de APERO-6 devus soni: "trompo"!

Ĉar la komence planitan daton oni ŝanĝis, eĉ dufoje.

Ĉar malvera evidentiĝis la prognozo pri 33 partoprenontoj – venis multe pli; sekve, la promeso pri 3-litaj dormoĉambroj ne kongruis kun la realo.

Ĉar oni plezure mensogetis ne nur dum specialaj trompludoj, sed ankaŭ dum "florflirto", "karkason" k.t.p.

Ĉar eĉ en mia "pan-talono" staris fremda nomo...

Tamen – stop! Ne kredu min. Mi trompetas...

Vere: nia kromĉambrano Bruna Ŝtono ja estas tre dezirinda kompano.

Vere: la manĝaĵoj estis bongustegaj kaj senlime abundaj.



Vere: ludaj kaj pli seriozaj programeroj trafe taŭgis por antaŭmetitaj celoj.

Bonega vetero, bonega kompanio, eminenta obeemo al la lingva disciplino, multtavola programo (eĉ spite al manko de konvenaj ejoj) – ĉio ĉi destinis plenan sukceson por la renkontiĝo.

## PIONIRO CENTJARE PLI AĜA OL NI

***por la 150-jariĝo de Vasilij Devjatnin***



En jubileaj datoj de la jaro 2012, afable prezentitaj de la redaktoroj de REGo en la antaŭa numero, la unua estas menciita Vasilij Devjatnin (1862–1938), poeto, verkisto, tradukisto. Nun, de la alto de pli ol centjara sperto, oni povas kritike juĝi pri la kvalito de liaj literaturaj tradukoj el A.S.Puŝkin, M.J.Lermontov kaj aliaj famaj rusaj verkistoj. Sed ni ne forgesu, ke la poeto komencis sian literaturan karieron, kiam la lingvo Esperanto ekzistis nur 5 jarojn. Sube estas publikigita plena teksto de “Antaŭparolo de aŭtoro” el la unua libro de la verkaro de V.N.Devjatnin. La antaŭparolo gravas de historia vidpunkto, ĉar ĝi estas aŭtobiografia, priskribas la unuajn 13 jarojn de esperantisteco de Devjatnin. Krome, la antaŭparolo gravas ankaŭ de literaturologia vidpunkto, ĉar la aŭtoro en la fino objektive pritaksas sian lokon en Esperanto-literaturo kaj alvokas aliajn esperantistojn sekvi lian ekzemplon: “... mi deziras el tuta mia koro, ke tiu-ĉi mia laboro estu feliĉa komenco *(nur komenco!),* ke aliaj geesperantistoj sekvu min kaj en plej mallonga tempo riĉigu nian junan literaturon, por ke ni ĉiuj povu diri, ke nia kara Esperanto havas propran literaturon eĉ pli grandan, ol ia nacia lingvo...”.

A.Saĥarov en siaj rememoroj karakterizas la verkiston kiel revemulon kun riĉa fantazio: “Unuvorte antaŭ mi sidis tipa poeto kun riĉa fantazio kaj malplena poŝo”[1]. La interrilatoj de eldonisto Saĥarov kaj verkisto Devjatnin aspektis kiel tiuj de severa patro kaj petolema filo, kvankam Saĥarov estis je kelkaj jaroj pli juna ol Devjatnin. Sortironie, la unua libro de la moskva eldonejo de Aleksandr Saĥarov iĝis la tria volumo el la kvarvoluma verkaro de V.Devjatnin. Sortironie pro tio, ke la eldonisto volis komenci la eldonadon de lernolibroj kaj vortaroj, sed ne de libro, antaŭvidate malprofita. La libro estis presita en Kazano, kie troviĝis presejo kun Esperantaj literoj. Same nun, post cent jaroj, kelkaj moskvaj eldonejoj presas librojn en Kazano pro ekonomiaj kialoj. Kontraste al tipe poeta karakterizo de Saĥarov, ni povas supozi, ke Devjatnin tamen estis tre energia kaj persista homo, ĉar dum relative mallonga periodo li sukcesis konvinki kvar sendependajn eldonejojn publikigi kvar volumojn de sia verkaro. La unua libro (volumo) aperis en 1906 en Parizo ĉe la fama eldonejo “Hachette”, la dua – en 1906 en Sankt-Peterburgo ĉe eldonisto D.P.Wejsbrut, la tria – en 1908 en Moskvo ĉe A.A.Saĥarov, kaj laste, la kvara volumo aperis en 1911 en Kovno ĉe M.S.Terner.

***Aleksandr Ŝevĉenko (Moskvo)***

## ANTAŬPAROLO DE AŬTORO

En unu feliĉa Maja tago de 1892[a] jaro mi iris sur «Granda» strato de Vilno kaj tute okaze ekvidis en fenestro de unu librovendejo tre modestan malgrandan

[1] Aleksandr Saĥarov. Rememoroj de centprocenta esperantisto. – Moskvo: Impeto, 1993. – p. 70. – *Red.*



libreton sub titolo «lernolibro de lingvo internacia «Esperanto». Ankoraŭ pli frue mi sciis pri ekzistado de lingvo internacia (?) «Volapük», kiu estis senfine malfacila por ellernado, – tial mi estis interesigita je nova provo de artefarita lingvo internacia, kaj aĉetis tiun-ĉi libreton, kiu kostis nur 10 kop. – Libreto estis skribita ruse, ĉar aŭtoro definis ĝin escepte por rusoj. Traleginte tre atente malgrandetan lernolibron, mi estis tute frapita per simpleco kaj komprenebleco de ĝia enhavo, kaj tuj mem komencis ellernadi novan lingvon internacian. Post kelkaj tagoj mi jam sufiĉe bone konatiĝis kun «Esperanto», tiom bone, ke mi jam povis skribi al ĝia genia aŭtoro leteron, kiun li baldaŭ respondis, kaj inter ni de tiu tempo komenciĝis tre viva korespandado. Poste S[ro] Zamenhof elsendis al mi plenan vortaron ruse-esperantan, «Duan libron», gazeton «Esperantisto» (ĝi eliradis en Nurenbergo) kaj ankoraŭ kelkajn libretojn esperantajn. (Literaturo esperanta tiam estis ankoraŭ tre malriĉa!) Ankoraŭ post kelka tempo mi estis enskribita en nombron de esperantistoj (en «adresaro» de D[ro] Zamenhof), kaj de tiam mi komencis tre fervore laboradi pro nia karega lingvo. Tiun-ĉi laboradon multe helpis mia konatiĝo – proksimume en tiu sama tempo – kun kelkaj esperantistoj, kiuj loĝis tiam en Vilno; unuaj samideanoj, kiujn mi ekkonis, estis sinjoroj Lojko, Nauman kaj Zambrĵickij, kiuj konatiĝis kun Esperanto iom pli frue, ol mi. (S[ro] Lojko estis iam varmega Volapükisto kaj eĉ havis de ĝia aŭtoro ian diplomon, por kiu li pagis, ŝajnas al mi, 15. rublojn!). Kune kun tiuj-ĉi miaj unuaj amikoj – esperantistoj ni laboradis pro utilo de nia sankta afero sufiĉe fruktoporte kaj varbis kelkajn novajn adeptojn de Esperanto. Dank' al senĉesa influo de tiuj-ĉi miaj amikoj, mi estis en tiu tempo plej laborema kaj, krom propagando de Esperanto, mi komencis mian verkadon: plej frue mi tradukadis rakontojn de grafo Tolstoj (unuaj estis: «Per kio homoj estas vivaj» kaj «Du maljunuloj»), poste mi provis poezion, kaj en Junio de 1892[a] jaro tradukis unuan versaĵon – «Anĝelo» (el Lermontov), kiu estis presita en n° 9[a] de «Esperantisto» por 1892 j.; tio-ĉi estis mia unua provo, kiu, afable akceptita de nia estimata majstro, estis komenco de tuta mia postea verkado.

Proksimume en tiu sama tempo mi konatiĝis per korespandado kun S[ro] Grabovskij, kun fraŭlino Manjkovskaja (ĉu ŝi memoras ankoraŭ tiun someron, kiam ŝi gastadis ĉe mi en Gedrojci?), kun D[r°] Ostrovskij, kun S[r°] L. de Beaufront, L. Lemaire kaj kun multaj aliaj geesperantistoj rusaj kaj alilandaj (el tiuj-ĉi lastaj mi aparte longe korespondadis kun S[ro] Riĉard Geoghegan el «Ist Zound de nord-amerikaj unuigitaj ŝtatoj», kiu eĉ ellernadis lingvon rusan). Ĉiuj tiuj-ĉi amikoj miaj ankaŭ bone min influis, – kaj mi tradukadis kaj verkadis senhalte: unu post alia aperis miaj originalaj kaj tradukitaj verkoj: «Ludilo de Sorto», «Nevola mortiginto», «Demono», «Boris Godunow», «Arturo», «Edziĝo» kaj multe da diversaj malgrandaj versaĵoj...

Sed post granda bruado ĉiam venas silento, – tiel same fariĝis ankaŭ kun mi:

ĉiuj miaj amikoj forveturis el Vilno en diversajn lokojn de nia Grandega Rusujo, mi mem, laŭ volo de sorto, estis transmetita ian sovaĝan vilaĝon, kie preskaŭ tute forestis eĉ ia similaĵo je civilizita homaro, kaj mi restis tute sola; mia familio pligrandiĝis, miaj infanoj jam bezonis edukadon, kaj mi devis pli multe pensi pri miaj devoj familiaj kaj servaj, ol pri Esperanto, – tial mi preskaŭ tute forlasis mian laboradon sur kampo de nia kara afero, aliaj interesoj de vivo min okupis, iom post iom mi komencis tute nerimarkeble forgesadi eĉ pri ekzistado mem de lingvo Esperanto, kaj, fine, mi preskaŭ tute ekdormis...

El tiuj-ĉi teruraj brakoj de bruta dormado min elŝiris mia malnova amiko-esperantisto D[ro] A. G. Naŭman: per sia laŭta, kuraĝa kaj bonfavora voĉo li vekigis min kaj igis ree laboradi!... Tielan efektive amikan agon oni neniam forgesas!... Kaj jen mi vekiĝis, renaskiĝis por Esperanto, – kaj nun mi volas ree labori, ree batali kaj aŭ venki aŭ morti kun batalilo en manoj, por ke oni min pardonu por mia kontraŭvola perfido je nia sankta afero!...




Por komenco mi decidis eldoni unuan libron de mia plena verkaro, en kiu mi lokigas preskaŭ trionon da tio, kion mi skribis esperante en daŭro de lastaj 13 jaroj.

Eldonon de mia plena verkaro afable prenis sur sin estimata Pariza firmo «Hachette et C[ie]», kiun mi korege dankas por tio-ĉi, ĉar alie, dank' al multaj malfacilaj cirkonstancoj, mondo esperantista neniam ekvidus miajn verkojn.

Post kelka tempo, se nur nenio min malhelpos, mi intencas eldoni duan libron, en kiu multaj el miaj malnovaj amikoj inter aliaj trovos kelkajn konatajn por ili verkojn.

Kun komprenebla sento de timemo mi prezentas nun al juĝo de tutmonda esperantistaro unuan libron de mia plena verkaro: ĝi ja estas unua provo en tiu-ĉi direkto, ĝis nun en nia ankoraŭ juna literaturo esperanta forestis tielaj kolektoj, — kaj mi deziras el tuta mia koro, ke tiu-ĉi mia laboro estu feliĉa komenco *(nur komenco!)*, ke aliaj geesperantistoj sekvu min kaj en plej mallonga tempo riĉigu nian junan literaturon, por ke ni ĉiuj povu diri, ke nia kara Esperanto havas propran literaturon eĉ pli grandan, ol ia nacia lingvo... Donu, Dio, ke tiu-ĉi deziro plej baldaŭ efektiviĝu!

Oni min kritiku, oni min insultu, aŭ laŭdu, – por mi persone ĝi estas tute egala: komenco estas farita, kaj mi el tuta mia animo invitas ĉiujn geesperantistojn sekvi mian ekzemplon! Ni laboru kaj esperu! Vivu nia karega Esperanto kaj ĝia genia kreinto!...

***V. Devjatnin***
***Vilno, Junio, 1905[a] j.***

## SUR STRATO

(Sceno el efektiva vivo.)

Sur strato promenas gravega sinjoro:
Li ĵus fortagmanĝis, kaj iras kontenta,
Kun plena ventrego, kun ĝojo en koro,
Senzorga, trankvila, fiera, sensenta.

Subite al li knabineto aliras.
Malgrasa ŝi estas, en vesto malriĉa, –
Plorante, ŝi manon etendas kaj diras:
"Ho, donu almozon al mi, malfeliĉa!"

– For, for, abomena, senhonta knabino!
Labori vi devas, almozon ne petu!...
Vin sendis, kredeble, malĉasta patrino
Por ke je almozo vi brandon aĉetu?

"Ho, ne, estimata, aminda sinjoro!
Patrino... ho, mia karega patrino!
Ŝi, eble, jam mortis en tiu-ĉi horo,...
Malsana ŝi estas... – Ne, truda knabino,

Foriru, foriru! Al via rakonto
Ne kredas mi tute: ĝi estas malvera.
For, for! ne mensogu! Al vi estas honto
Pasantojn trompadi per vido mizera!.."

Kaj ree promenas gravega sinjoro
Kun plena ventrego, kun vido kontenta,
Kun nigra animo, kun ĝojo en koro,
Feliĉa, trankvila, fiera, sensenta...

*El la unua libro de la Verkaro de V.N. Devjatnin*
*Paris. Librairie Hachette. 1906*

---

## GOOGLE TRADUKAS AŬTOMATE EL ESPERANTO AL 63 LINGVOJ KAJ INVERSE

Google aldonis Esperanton kiel la 64-an lingvon por tradukado! Uzu tiun unikan eblon! Vidu <http://translate.google.com/?ie=UTF-8>. Legu: Tutmonda helplingvo por ĉiuj homoj <http://googletranslate.blogspot.com/2012/02/tutmonda-helplingvo-por-ciuj-homoj.html>

***<reu-agado>***




# REVUO DE LA ESPERANTISTA VIVO EN URALO

El kio konsistas esperantista vivo en Uralo? Same kiel la vivo ĝenerale, ĝi konsistas el du partoj: nia ĉiutageco aŭ streĉa kontinua agado kaj niaj festoj.

Do, dekomence, pri niaj regulaj okupoj. Dum kelkaj lastaj jaroj kiel grava funkcianta elemento en pulsanta ĉi tie E-vivo estas Esperanto-kursoj. Malgraŭ nuntempaj modernaj eblecoj lerni la lingvon per pluraj ekzistantaj retaj E-kursoj, multaj uralaj esperantistoj konscias la valoron de ĉeestaj E-kursoj kaj laŭpove klopodas organizi ilin en siaj urboj.

Ĉiujare Tjumena E-klubo "Revo" okazigas en la urbo reklam-kampanjon pri Esperanto kaj organizas bazan E-kurson por dezirantoj lerni la lingvon. Dum la lastaj tri jaroj gvidis tiun bazan kurson Irina Sokolovskaja, ĉi-printempe diplomiĝonta studentino de historia fakultato. Uzante Zagreban lernolibron kaj proprajn ekzercojn, aplikante gramatikan kaj komunik-situacian instrumetodojn, Irina kutime proponas al la lernantoj 12 unuhorajn lecionojn kun ekzameno fine de la kurso. Eble la kursoj ne multnombras laŭ la kvanto de la partoprenantoj: dum tri jaroj ilin finis 15 personoj. Plejparto de la kursfinintoj estis gejunuloj kun la averaĝa aĝo de 22-25 jaroj, kelkaj el ili aktive engaĝiĝis en la kluban kaj movadan E-vivon, partoprenis interurbajn kaj regionajn E-renkontiĝojn. Marina Stepaĉova, kiu antaŭe dum multaj jaroj gvidis bazajn E-kursojn en Tjumeno, rolis lastatempe (ĝis la ŝanĝo de sia loĝloko) kiel gvidanto de la paroliga kurso.

Dum la pasintaj du jaroj okazis por lernejanoj informaj kursoj pri Esperanto kaj interlingvistiko ankaŭ en la urbo Surgut, kie ilin gvidis en meza lernejo profesia lingvoinstruisto Vladimir Opletajev. Sed ĉi-jare li instruas Esperanton en la centra urba biblioteko "A.S.Puŝkin", kie funkcias kelkaj lingvaj kluboj ĉe la salono de fremdlingva literaturo. Aŭtune Vladimir Opletajev traktis kun la biblioteka estraro, kiu cetere favore rilatas al Esperanto, kondiĉojn pri lanĉo de publika kurso, sed, pro internaj reorganizaj strukturaj problemoj en la salono, la baza kurso povis starti nur ekde februaro. Al la grupo vizitata de 14-16-jaraj gelernantoj estas disponigitaj komfortaj kaj modernaj kondiĉoj. Ĉiudimanĉe okazas 2-horaj lecionoj kun diversaj gramatikaj, komunik-situaciaj kaj ludaj taskoj. La 29-an de aprilo estas planate okazigi kursfinan feston. La salonestrino, aŭspicianta la grupon, konsideras ĝian agadon interesa kaj utila, kaj rezulte jam nun enskribiĝas dezirantoj viziti aŭtune



novan kurson por plenkreskuloj.

Bedaŭrinde ĉi-jare ne estas E-kursoj en aliaj uralaj urboj, kie antaŭe ili okazis. Tiuj estas Ĉeljabinsk, kie antaŭ du jaroj gvidis la bazan kurson studentino de la fremdlingva fakultato de Ĉeljabinska universitato Darja Zelenina, kaj Niĵnij Tagil, kie por studentoj de la pedagogia universitato instruis Esperanton sperta esperantistino Lidija Jerofejeva, instruistino de la angla en la sama universitato, sed pro la troa okupiteco ŝi ne povis daŭrigi la aferon ankaŭ ĉi-jare.

Aparte lerninda estas nun la sperto de E-instruado en Jekaterinburg, kie dank' al sindediĉa persista laboro de Aleksandr Osincev, profesia lingvisto kaj tradukisto de la germana, jam dum la tuta jaro fakte daŭras longa, 3-etapa instru-kurso de Esperanto. Ĝi komenciĝis de du okazintaj bazaj E-kursoj en 2011, printempe kaj aŭtune, poste sekvis daŭriga kurso por dezirantoj lerni plu dum novembro 2011 – februaro 2012, kaj ekde ĉi-jara marto la kurso daŭras jam kiel preparado al la Tutmonda Skriba Ekzamensesio, kiu okazos samtempe diversloke tutmonde. Tiu ĉi ekzameno, laŭ la regularo de KER (Komuna Eŭropa Referenckadro), estas planata por la 9-a de junio, kaj tiu ĉi agadkampanjo, iniciatita de UEA, estos dediĉita al la 125-jariĝo de nia kara Esperanto. Por helpi al Aleksandr en lia tre subteninda afero, mi mem partoprenas ekde la komenco tiun ĉi 3-etapan kurson, kiun li gvidas kaj lerte kaj sperte, kaj mi tre ĝojas konstati rimarkeblan kreskon de la lingvonivelo de liaj lernantoj.



Dum la kurso ni strebis altiri la lernantojn al Esperanto-agado de nia E-klubo "Arĝenta flamo", kelkaj el inter ili fakte iĝis jam membroj de la klubo. Kadre de tiu ĉi kurso okazis poezia vespero, dediĉita al la eminenta Esperanto-verkisto kaj poeto Julio Baghy. Dum la vespero Aleksandr unue prezentis koncizan biografion de Baghy, rakontis pri lia kreado, kaj poste ĉiu el la partoprenintaj kursanoj laŭvice deklamis parkere sian ŝatatan elektitan verkon de la poeto. Tio estis vere tre utila kaj bonetosa aranĝo, la partoprenintoj de tiu ĉi vespero ĉiel estis riĉigitaj kaj bone emociitaj. Rezulte la inspirita Katja Zamislova deklamis sian poezian ruslingvan tradukon de la poemo "Ekstere bruis ŝtormo"de Julio Baghy kaj Jana Ĥusanova fine de la vespero prezentis sian unuan provon verki poeziaĵon Esperante.

Do en nia kurso ni ne nur lernas Esperanton, sed ankaŭ omaĝas gravajn eventojn de E-movado, festas niajn naskiĝtagojn, kune vizitas koncertojn en filharmo-

nio ktp.




Krome ĉiuj kursanoj estis invitataj partopreni prezentojn de E-filmoj enkadre de antaŭ nelonge organizita en Jekaterinburg "Klubo de Esperanto-filmo", kiun ankaŭ iniciatis nia agema Saŝa Osincev kaj kiu funkcias ĉe la fako de la fremdlingva literaturo de la urba biblioteko "Belinskij". Ĉi tie jam okazis du filmoprezentoj: la unua filmo nomiĝis "La Universala lingvo" kaj estis farita de la profesia usona kinoreĝisoro, Oskar-nomumito, Sam Green; kaj la dua estis dublita filmo "Atakoj de lunaj zombioj" de la usona reĝisoro Ghristofer R. Mihm. Ambaŭ filmoj estis renkontitaj kun intereso, kaj spekti ilin estis valora lingva sperto por ni ĉiuj.

Tiel, konsekvence, mi transiras de nia ĉiutageco kaj aferoj, kiuj ĝin plenigas, al niaj komunaj festoj. Unu el la plej popularaj E-festoj en Uralo restas Zamenhoftago. Ĝi estas ĉiam atendata de ni ĉiuj, kaj jam ekzistas certaj tradicioj de la komuna aranĝo. La lasta Zamenhof-festo, pri kiu mi bedaŭrinde ne sukcesis rakonti ĝis nun al la legantoj de REGo, multe surprizis eĉ min, konstantan ĝian organizanton kaj partoprenanton. Je la 16-a horo de la sabata tago salono de la hotelo "Granda Uralo" plenpleniĝis. Por kunfesti venis ĉirkaŭ 45 esperantistoj; krom jekaterinburganoj nian aranĝon estimis per vizito ankaŭ Esperanto-amikoj el najbaraj urboj: la plej multnombraj estis la alvenintoj el Tjumenj (11 personoj), 3 esperantistoj el Ĉeljabinsk; estis kun ni ankaŭ geamikoj el Niĵnij Tagil; kaj por la unua fojo venis gaste simpatia esperantista duopo el la urbo Glazov (Udmurtio). La programo de la festo estis tradicie longdaŭra kaj varia: libroekspozicio kaj ekspozicio de manfaraĵoj sub la titolo "Esperantistoj estas personoj kreemaj", Esperanto-kinofilmetoj, ceremonio de la akcepto de E-novuloj en la rondon de la urala esperantistaro, videokonferenco kun alilandaj esperantistoj, tre riĉa amika koncerto, kiun cetere skajpe komencis famaj bardoj de nia Esperantujo: Mikaelo Bronŝtejn kaj Georgo



Handzlik, salutante uralajn esperantistojn kaj kantante por ni. Alia agrabla surprizo por mi estis aktiva kontribuo de gejunuloj el nia daŭriga E-kurso, kiuj organizis dum la festo E-fotosesion por la dezirantoj lasi belajn fotojn por la memoro kaj eĉ bakis grandan belegan torton kun la surskribo "125-jara jubileo de Esperanto", kiun ĝuis ĉiuj partoprenantoj. La festa tablo surhavis diversajn frandaĵojn, kiujn la esperantistoj mem preparis. Membroj de "Arĝenta Flamo" speciale por la festo eldonis surtablan kalendaron por la jaro 2012 kun fotoj, prezentantaj diversajn epizodojn de la kluba vivo. Ni kantis, dancis, amuziĝis kaj fotiĝis ĝis malfrua horo kaj la tuta Zamenhof-tago iĝis por ĉiuj, por la novuloj kaj por la spertuloj, tre valora kune travivita okazintaĵo.

Do, ni travivas tre interesan jaron, nun troviĝante meze de la preparado al la ekzameno, meze de la lernojaro, kies pinton ni havos junie, kiam planas ekzameniĝi laŭ la regularo de KER-ekzameno pli ol 10 personoj el Jekaterinburg. Jam estas ankaŭ aliurbaj aliĝintoj por ekzameniĝi, kiuj prepariĝas memstare: el Ĉeljabinsk – Darja Zelenina, el Surgut – Vladimir Opletajev, kelkope el Glazov kaj Tjumeno, unu esperantistino el Samara. Opiniante, ke la iniciato de UEA kaj ILEI pri la okazigo de la Tutmonda Skriba Ekzamensesio en la jubilea por Esperanto jaro, tutmonde kaj samtempe, meritas diskonigon kaj ĉian subtenon, ni invitas ĉiujn dezirantojn aliĝi al la ekzameno, veni la 9-an de junio en Jekaterinburgon por akiri per la ekzameno diplomon agnoskatan de Eŭropaj instancoj.




Atenton! Ĉiu, kiu decidos aliĝi, jam nun devas anonciĝi kaj kontakti la ĉefan organizanton de la ekzameno en Jekaterinburg Aleksandr Osincev.

Ĉar tuj post la 9-a de junio ni ĉiuj havos 3 ripoztagojn, membroj de la E-klubo "Arĝenta flamo" kaj aktivuloj de la urala E-movado decidis kapti la okazon kaj utiligi la eblon por organizi ĉi tie en Jekaterinburg solenan E-renkontiĝon okaze de la 125-jara jubileo de Esperanto. Jam estas aktive pridiskutata ĝia programo, kaj ni tre klopodos, ke tiu ĉi renkontiĝo estu grava, utila kaj memorinda evento por ĉiuj partoprenontoj. Ni invitas dezirantojn partopreni ĉi inspiran kaj pozitivan eventon!

Kontakteblecoj por sin anonci kaj aliĝi: Aleksandr Osincev, <alex.osintsev@googlemail.com>, +7-902-2603613; Raja Kudrjavceva, <komencanto@r66.ru>, +7-343-2780895; Pavel Veselov, <pav.tmn@gmail.com>, +7-922-4801151.

***Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg)***

## LA 6-a MOSKVA INTERNACIA LF – ĈI-FOJE EN RUDN



*Irina Gonĉarova, dekano de la filologia fakultato Aleksandr Kovalenko, estro de la fremdlingva katedro Natalja Miĥejeva*

La 6-a Moskva Internacia Lingva Festivalo tre sukcese pasis la 12-an de februaro 2012, dimanĉe, en la plej multnacia landa altlernejo – Rusia Universitato de la Interpopola Amikeco (RUDN). Tio estis sekva ŝtupo en evoluo de la moskvaj lingvaj festivaloj, ekde 2006 regule organizataj de la Moskva junulara Esperanto-klubo MASI. Al la 1000-persona publiko estis liveritaj 100 40-minutaj programeroj: 70 lingvoprezentoj (plej multaj el kiuj okazis dufoje), 20 lingvistikaj prelegoj kaj 10 alispecaj distraĵoj el apudlingvaj kampoj, kiel, ekzemple, animaciaj filmoj kun lulkantoj de diversaj popoloj aŭ turka arto pentri "sur akvo". La festivalon kronis plurnacia koncerto en la halo por 800 sidlokoj.

Kvankam tiuj ciferoj estas rekordaj por moskvaj LF, multe pli gravas, ke la organizantoj sukcesis senprecedente promocii Esperanton en tiom prestiĝa kaj multhoma ludkampo. La lingvo Esperanto estis prezentita kvarfoje, ĉiam en plena klasĉambro, sume por 140 interesitoj; inter Alispecaj Distraĵoj okazis renkontiĝo, titolita: "Konatiĝu: Esperanto-klubo"; multfoje ĝi sonis de la scenejo dum la Malfermo kaj la koncerto; en la vastega vestiblo staris E-stando kun varbiloj kaj pendis granda E-flago, surfone de kiu diversaj televidaj kanaloj filmis raportaĵojn pri la festivalo. Inter tiuj estis ankaŭ la rekta elsendo de TVC "Paradizo por poliglotoj": <http://www.tvc.ru/AllNews.aspx?id=4941a850-a2f4-4a7b-b26f-f23576f9acc4>, dum kiu la dekano de la filologia fakultato prof. Kovalenko substrekis,



*Esperanto-stando en la Festivalo*

ke la Festivalo en RUDN okazis dank' al laboro de la Esperanta klubo.

Sinjoro Kovalenko pasigis en la Festivalo la tutan tagon, ekde la 10-a ĝis la 22-a horo, kaj ŝajnis esti plene ravita – samkiel liaj kolegoj de la katedro pri fremdaj lingvoj – pro la alta lingvistika kaj organiza nivelo de la grandioza aranĝo. Rezulte ili peris al la direktoro de la Festivalo inviton de la Rektoro de RUDN prof. V.M.Filippov okazigi la eventon en la universitato ĉiujare kaj enmanigis dankfolion de lia nomo.

***Irina Gonĉarova, direktoro de MLF***
*http://www.lingvafestivalo.info*

---

***Al Prezidanto de REU, s-ro Grigorij Arosev***
***de Mikaelo (Moissej Calevîĉ) Bronŝtejn, individua membro***

**PETSKRIBO**

Estimata sinjoro Prezidanto,
mi konfesu, ke mi legis Vian "Klarigon pri la Kongreso" (REGo N-ro 1-2012) kun indigno, ĉar estas tuŝita mia virdigno. Vi prezentis tie "precizigon kaj klarigon"; mi diru pri ĉiu aparte.

1. Pri la "precizigo". Mi neniom trudis mian partoprenon, estas Vi, kiu persone invitis min koncerti enkadre de la Kongreso, kaj ni interkonsentis pri kondiĉoj de mia laboro. Krom la koncerto mi prezentis la eldonejon "Impeto", faris du prezentadojn ene de la Lingva Festivalo, kaj pli-malpli aktive kunlaboris kun Svetlana Smetanina pri organizo de la Libroservo. Ĉiuj ĉi agoj estis libervolaj kaj faritaj ekster nia interkonsento. Sed Vi ĉeestis dum mia koncerto, ĉu ne? Se Vin ne kontentigis mia laboro, Vi povus (verŝajne, eĉ devus) tuj post la koncerto diri tion al mi. Ĉar estis Vi, kiu mendis, Via opinio estas decida, kaj mi estus senprokraste repaginta la monon. Tia solvo estas, miaopinie, tute honesta, kaj ankaŭ nun mi pretas fari tion laŭ via postulo. Koncerne la kanton – ĝi estas verkita surbaze de antaŭkongresaj eventoj, neniel rilatas al la Kongreso mem kaj enhavas nenion speciale ofendan por Vi persone, des pli por REU. Konsiderante ĉion, skribitan supre, mi petas Vin ne plu (kaj neniam plu) senbaze kulpigi min pri "nigra maldankemo".
2. Pli la "klarigo". Trifoje relegintе ĝin, mi preskaŭ certas, ke Vi ne legis mian raporton, koncentriĝinte nur ĉe la kantoteksto. Por kio Vi tiom longe pravigas malamasecon de la Kongreso? Ja mi skribis, ke ne tio, sed tute aliaj aferoj ŝajnis ŝokaj por mi. Kaj, same kiel Vi, mi dankis Aleksandron Blinov por lia sindona laborego. Do mi havas la duan peton al Vi: bonvolu almenaŭ legi mian raporton. Se eĉ post tralego Vi opinios ion de mi diritan maljusta, mi pretas pritrakti Viajn akuzojn per privata interkorespondado kaj publike pardonpeti, se mi vere kulpas pri ia mensogo.

***Sincere, Mikaelo Bronŝtejn***
*Tihvin, 24.02.2012*

# Bulteno de REU

kompilas kaj redaktas Grigorij Arosev, redaktofino – 30.03.2012.

## Esperantistaj kolektivoj en REU

*Viktor Arolovič (Moskvo)*



*Foto de Lilia Burgar*

**Evoluo de la konceptoj: iom da antaŭhistorio**

Nialanda E-movado en la lasta triono de la 20-a jc kreis organizajn formojn, plej ĝenerale karakterizeblajn kiel federacio de kolektivoj (post la refondo de SEU aldoneblas: kaj individuoj).

Kiam meze de la 60-aj jaroj formiĝis SEJM, en ties unuaj Adresaroj listiĝis kaj unuopuloj kaj gvidantoj de kluboj aŭ grupoj, sed poste SEJM konceptis sin kiel unuiĝo de kluboj. La senklubaj unuopuloj por ioma tempo forfalis; en lastaj SEJM-jaroj ili reaperis, tamen kiel ne pli ol "subtenantoj" (kotizantoj-informricevantoj sen voĉdonrajto), dum membroj estis nur kluboj. (En 1976 okaze de la 10-jariĝo de SEJM aperis propono distingi ties 10 elstarajn agantojn per la titolo "Honora membro", sed pro nekongruo kun la koncepto de kolektiva membreco la propono realiĝis kun pli adekvata titolo "Honora aktivulo de SEJM".)

La oficioza ASE estis laŭ pluraj kriterioj tute malsimila al la sovaĝa SEJM, sed koncerne la membrecon oni povis konstati paradoksan identecon: kvankam pro tute aliaj motivoj, tamen ankaŭ ASE antaŭvidis membrecon nur por kolektivoj. La klubaro de SEJM, transirinte sub la tegmenton de ASE, konsistigis signifan parton de ties membrobazo. Sed la kompatindaj unuopuloj denove iĝis orfaj: por ili ASE ne antaŭvidis la kategorion "subtenantoj" aŭ ion similan. Iliaj multnombraj plendoj kaj al ASE mem kaj al pli superaj instancoj restis senrezultaj.

La refondita SEU restarigis la justecon, deklarinte en la provizora Statuto (sube: PS), ke al la organizaĵo apartenas kaj kolektivaj, kaj individuaj membroj (estis ankaŭ la tria kategorio, intertempe malaperinta: Honoraj membroj). La terminoj "individua membro" kaj "kolektiva membro" estis fiksitaj ankaŭ en la oficiala Statuto de SEU (registrita en 1991: S-91) kaj en la unua versio de la Statuto de REU (registrita en 1993: S-93). Laŭstatute sub tiuj kategorioj povis aliĝi al REU ajna esperantisto kaj ajna E-kolektivo (en fruaj versioj estis eĉ plia ebleco, intertempe forfalinta: "laborula kolektivo de ajna organizaĵo, uzanta Esperanton en sia agado").

Sed en 1995 aperis la nova Federacia Leĝo pri sociaj unuiĝoj, kaŭzinta al ni

kelkajn problemojn, i.a. pri kolektiva membreco. La terminon mem "kolektiva membro" la Leĝo malhavas; tamen la kernon de la problemo konsistigis ne tio, sed la fakto, ke membri en socia organizaĵo, krom fizikaj personoj, la Leĝo rajtigas nur tiujn kolektivojn, kiuj mem estas sociaj unuiĝoj, registritaj kun la rajto de jura persono. Do eĉ se la Leĝo enhavus la terminon "kolektiva membro" – kutiman kaj oportunan, sed aplikeblan nur al la oficialaj kolektivoj, tio tamen ne forigus la doloran demandon: kiel restigi en REU tiujn klubojn, kiuj ne estas jure registritaj?

En ĉiu malbono estas iom da bono. Nia Statuto estis verkita kaj poste kelkfoje modifita de diversaj organoj kaj funkciuloj de SEU-REU. Plurfoje ni montris ĝiajn sinsekvajn laborversiojn en la Ministerioj de justico de USSR kaj Rusio, kie ilin legis pluraj oficistoj, preskaŭ ĉiufoje malsamaj. Ĉiu el ili sugestis ion aldoni, ion ŝanĝi aŭ forigi (ne gravas, ĉu la korektenda loko estis verkita de ni aŭ diktita de antaŭaj oficistoj); sed multo restis, do ĉiu serio de korektoj postlasis en la teksto iun "geologian tavolon". Rezulte la nuna Statuto (registrita en 1997: S-97), kiu finfine kontentigis kaj la Ministerion, kaj vole-nevole nin, estas, se legi ĝin atente, tre heterogena. En (aŭ ĉe) REU estas, reale aŭ potenciale, laŭ diverslokaj mencioj en la Statuto: membroj (fizikaj kaj juraj personoj); regionaj organizaĵoj (en antaŭaj statutversioj: primaraj organizaĵoj); funkciaj departementoj (komisionoj, sekcioj, filioj, reprezentejoj); servoj; mastrumaj asocioj, societoj kaj aliaj mastrumaj organizaĵoj (juraj personoj). Tia komplika varieco estas tamen utila, ĉar ebligas trovi taŭgan statutan terminon por pluraj bezonaĵoj – inkluzive la neoficialajn klubojn.

**Kolektivaj membroj – kion tio signifas?**

La simpla sanmensa logiko malpermesas nomi "kolektivaj membroj" ĉiujn REU-klubojn sendistinge, ĉar, se temas pri neoficialaj kluboj, ne eblas apliki la konkretigan terminon "kolektiva membro" por tio, al kio – bedaŭrinde, sed laŭ la Leĝo! – ne aplikeblas la pli vasta nocio "membro".

Ĝenerale la koncepto de kolektiva membreco ŝajnas esti unu el produktoj de la socialisma socio kun ties kolektivismo, kaj supozeble (korektu, se mi eraras) la antaŭrevolucia Rusio ĝin ne konis, same kiel ne konas ĝin la okcidenta mondo kun ties individuismo. En Sovetio estis ordinara afero, ke iu uzino aŭ kolĥozo estis kolektiva membro de societo pri amikeco kun ekz. Bulgario aŭ Hindio. Sed eĉ tiam kolektivan membrecon praktikis organizaĵoj relative marĝenaj, SSOD-specaj, dum en pli gravaj: KPSU, Komsomolo, Scienca Akademio, Verkista Unio k.a. la membreco tamen estis individua. La plej gravaj tutlandaj amas-organizaĵoj havis ĉu obkomojn kaj rajkomojn, ĉu lokajn filiojn; tamen ĉio ĉi estis lokaj substrukturoj (unuigantaj la membrojn – individuojn! – sur konkreta nivelo), sed ne kolektivaj membroj (apartenantaj monolite al la organizaĵo, kiun ne interesis individuoj interne de la monolito).

La sovetian socian praktikon kaj ties terminojn transprenis ankaŭ aliaj socialismaj landoj, kaj pri "kolektiva membro" rememoriĝas jena okazo. Post kiam en 1976 la E-organizaĵo de GDR aliĝis al UEA, Detlev Blanke triumfe informis pri tio en "der esperantist" (№ 5, 1976, p. 21), senpripense uzante la kutiman esprimon "kolektiva membro", – kaj tiun artikoleton ne preterlasis moki Ivo Lapenna: en "Horizonto" (№ 1, 1977, p. 11) li atentigis, ke UEA laŭ sia Statuto havas ne

“kolektivajn membrojn”, sed aliĝintajn landajn asociojn. La cetere elokventa kaj polemikema Blanke silente englutis tion, ĉar la miso estis evidenta kaj nerefutebla. Ĝenerale sub “membro” en la nuna mondo oni konsideras memevidenta kompreni personon, ĝuste tiel traktas ĝin ekzemple la Statuto de UEA. Kaj se ie aperas la termino “kolektiva membro”, ĝia interpreto estu ne “membranta kolektivo”, kiel ĉe ni, sed “membrigito pere de kolektivo” (= aligita membro). Ekzemple, ĝis antaŭnelonge (lastfoje laŭ Jarlibro 2004, p. 39-40) Aŭstria Esperantista Federacio raportadis al UEA pri 850 kolektivaj membroj – certe ne temis pri 850 kluboj!

**De primaraj organizaĵoj al aliĝintaj kolektivoj**

Tamen ni revenu al niaj kluboj. Ankoraŭ dum ASE-periodo oni aplikis al ili paralele du terminojn: ĉu “kolektiva membro”, ĉu – malpli ofte, kaj sen klara celo – “primara organizaĵo”. Ĉi-lasta nocio, signifanta unuiĝon de personoj sur la plej suba nivelo, same estas postlasaĵo de socialismo, kiam sociaj organizaĵoj estis konstruataj laŭ la principoj de demokratia centralismo kaj diversgrade imitis la organizajn modelojn de la partio.

La identigon de ambaŭ terminoj laŭinercie daŭrigis PS, kun aldono ke al la aro de primaraj organizaĵoj apartenas ne nur la kolektivaj membroj, sed ankaŭ io specifa, nome la Komisiono pri individuaj membroj. (Tio estis oportuna: tiam SEU estis pli multnombra, kaj por ties Kongresoj la Estraro difinis reprezentnormojn, egalajn por ĉiuj primaraj organizaĵoj – kaj la kluboj kaj la individua membraro. La lasta elektis delegitojn elinter si mem en speciala antaŭkongresa kunveno.) La samaj formuloj senprobleme restis ankaŭ en S-91, kies oficialig-kondiĉoj ĝenerale estis ege liberalaj kompare kun la postaj.

Sed dum la oficialigo de S-93 jam okazis gravaj draŝadoj de la teksto. Unue, estis forigitaj ĉiuj mencioj de la Komisiono pri individuaj membroj (kaj post ioma tempo ankaŭ reale ĝi malaperis). Due, la ministerianoj firme kontraŭis identigon de la terminoj “kolektiva membro” kaj “primara organizaĵo”, sed almenaŭ permesis enskribi ke la primaraj organizaĵoj povas kreiĝi surbaze de la kolektivaj membroj. Feliĉe tiam oni ne postulis jaman oficialan statuson de la kolektivaj membroj, do ni sukcesis prezenti deckvante klubajn protokolojn (tia modela protokolo enhavis aprobon la Statuto, konfirmon de la kolektiva membreco en REU kaj decidon fondi primaran organizaĵon de REU surbaze de la klubo). Tio “sufiĉis por ekzisto”.

Kaj la plej prema epopeo, kies epizodoj iam memorigis scenojn el absurdoteatro, estis pri S-97. Anstataŭ la tute klara kaj delonge komfortiĝinta nocio “individua membro” oni postulis, kliŝe kopiante vortumojn de la Leĝo, ĉie skribi “fizika persono”. Pri kolektivaj membroj ni certe malsukcesis eviti enskribon de la kondiĉo, ke al tiu kategorio povas aparteni nur oficiale registritaj kolektivoj; krome, anstataŭ la kutima por ni termino trudiĝis la monstraĵo “juraj personoj – sociaj unuiĝoj”. Precipe domaĝe estis perdi la terminon “primara organizaĵo”: komence oni sugestis ŝanĝi ĝin al “loka organizaĵo” (kaj tio estus tolerebla), sed fine insistis pri “regiona organizaĵo” (RO). Pli maltrafan por ni solvon estus malfacile imagi! Unue, la vorto “regiona” ĝenerale kompreniĝas kiel “regionskala”, sed en S-97 ĝi signifas “situanta en administra regiono”, celante fakte lokajn organizaĵojn (klubojn). Due, tio karambolas kun la intertempe enkondukitaj de ni “regionaj

reprezentantoj” (kiuj ja mem kompreniĝas duece: povas temi ĉu pri grandaj tradiciaj regionoj, ĉu pri la administraj).

La skema teksto de postulitaj protokoloj pri fondo de RO ĉi-foje estis koncepte alia ol de tiuj por aprobigo de S-93: la vortumo “surbaze de” forfalis, kaj temis nur pri fonda kunveno de civitanoj, loĝantaj en respektiva regiono. Tamen (ankoraŭfoje ni povis konstati: ne estas malbono sen bono) en S-97 transiris el S-93, kun la menciita ŝanĝo de “primara” al “regiona”, ĉiuj koncernaj artikoloj, inkluzive 3.2, kiu eksplicite permesas al RO ne esti jura persono! Kaj en tio estis la paradoksa savo por niaj neoficialaj kluboj: perdinte la rajton aparteni al REU kiel kolektiva membro, tia klubo povas eniri ĝian konsiston kiel RO, fondita de la klubanoj.

Tamen restis fakto, ke ni ricevis en la Statuto kelkajn maloportunajn terminojn, kaj pluraj lokoj, gravaj por ni, el ĝi entute malaperis. Kompenso de tiuj perdoj estis unu el motivoj, kiuj igis nin ellabori kaj en 1999 akcepti la Ĝeneralan Regularon. En tiu dokumento, kiu detaligas kaj vastigas la Statuton, estas restarigitaj kelkaj forfalintaj reguloj, kaj por la maloportunaj terminoj ni fiksis pli digesteblajn ekvivalentojn, uzindajn en la praktika laboro. Tiel estas rehabilititaj “individua membro” kaj “kolektiva membro” (tamen ĉi-lasta kompreneble nur por tiuj, kiuj rajtas tiel nomiĝi laŭstatute); kaj por RO estis proponita kaj poste akceptita “aliĝinta kolektivo”. Ĉi-lasta termino, ne tuj enradikiĝinta, eble ne estas ideala, sed alternativojn neniu proponis, ĉu dum la pridiskuto de ĜR, ĉu poste. Almenaŭ laŭ la senco de la konsistigantaj ĝin du vortoj ĝi estas praktike adekvata. Notindas, ke ĜR, diference de la Statuto, estas nia strikte interna dokumento (ĝia rusa versio eĉ ne ekzistas); ni akceptis ĝin nur pro niaj bezonoj kaj por nia oportuneco. Tial ni zorgu pri korekta uzo de la terminoj el ĜR, por respekti niajn proprajn decidojn.

**Egalrajteco de la membroj**

Unu el la plej gravaj principoj, fiksitaj en la Statuto, estas egalrajteco (en S-93 estis eĉ pli konkreta vortumo: egalrajteco de la membroj). Kiel apliki ĝin en organizaĵo unuiganta kaj individuojn kaj kolektivojn?

Apriore eblus sekvi la vojon de ties maksimuma formala egaligo; tio signifus i. a. ke kolektiva membro, same kiel individua, havas unu voĉon en la Konferenco kaj ricevas unu membrokarton – por la kolektivo mem. Nu. tian skemon ni neniam konsideris kaj feliĉe ankaŭ la ministerianoj ne postulis ke ni enstatutigu ion similan. Fakte ni de la komenco konceptis la egalrajtecon sur persona nivelo, strebante al laŭeble egalaj kondiĉoj por esperantistoj, apartenantaj al REU diversmaniere. Gravan rolon por tio ludas ankoraŭ du eroj de la Statuto. Unue, tio estas la artikolo 2.4, kiu, diverse vortumata en diversaj statutaj versioj, trakonservis sian esencon: esperantistoj povas aliĝi al REU laŭplaĉe — ĉu individue, ĉu pere de kolektivo. Due, kaj eble ŝlosile, en la artikolo 2.5 ni enskribis kaj tra ĉiuj versioj bonŝance sukcesis restigi la kondiĉon, eble nekutiman por la ĝenerala koncepto de kolektiva membreco: ke la kolektivoj ricevas unuecmodelajn membrokartojn por siaj personaj membroj. Tiamaniere la lastaj estas traktataj egalrajte kun la individuaj membroj.

En la termino “aliĝinta kolektivo” estas metita certa analogio kun la strukturo de UEA kaj ties Landaj Asocioj. Etendante tiun analogion al la persona nivelo, ni

vidas individuajn membrojn – same kiel en UEA, kaj por la anoj de aliĝintaj kolektivoj rezultiĝis plia nova, komence nekutima termino “aligitaj membroj”. La aligitaj membroj samrajtas kun la individuaj pri membrokarto kaj voĉdonrajto, sed pagas malplian kotizon kaj ricevas informojn nur pere de la klubo.

Bedaŭrinde, kolektivaj membroj restis iom flanke de la analogio kun UEA, ĉar ĝi, kiel menciite, tiajn ne havas. Sed ankaŭ iliaj anoj devis ricevi sian nomon en la ĝenerala skemo, do por ili estis proponita kaj akceptita la termino “asociitaj membroj”.

La ĉefa kanalo, laŭ kiu esperantistoj apartenas al REU ekster la individua membreco, plu restas la kluboj. Kompreneble, la kluboj kaj iliaj anoj ĝuas egalajn kondiĉojn en REU, sendepende de eventuala oficialeco de la klubo. Tial ili pagas kotizojn, reprezentiĝas en Konferencoj, uzas REU-servojn ktp laŭ tute samaj reguloj; kaj en ĜR ni enkondukis la ĝeneraligan nocion “membro”, emfazante la egalrajtecon de diverskategoriaj membroj. Bedaŭrinde la nuna aliĝilo en la retejo de REU malhavas la pli fruan eblon, ke la aliĝilon plenigu ne nur individuaj, sed ankaŭ aligitaj kaj asociitaj membroj. Espereble forigi tiun mankon ne estos granda problemo.

**Ĉu estas tamen diferenco?**

Se temas pri REU-kluboj, la diferenco inter “aliĝintaj kolektivoj” kaj “kolektivaj membroj” estas nur termina. Ja praktike ĉiuj kluboj, oficialaj aŭ ne, aliĝas al REU samkondiĉe kaj estas traktataj egale. Tio tamen ne signifas, ke diferenco ĝenerale ne ekzistas. Necesas konsideri, ke la Statuto kaj ĜR priskribas situaciojn ne nur realajn, sed ankaŭ potencialajn, kiuj povus aperi morgaŭ. El tiu vidpunkto mencieblas kelkaj kriterioj de diferencigo:

Kolektivaj membroj eblas nur oficialaj; aliĝintaj kolektivoj povas esti ĉu oficialaj, ĉu neoficialaj.

Aliĝintaj kolektivoj estas laŭdifine organizaĵoj lokaj. Sed principe povas ekzisti ankaŭ translokaj kolektivoj, unuigantaj esperantistojn laŭ aliaj kriterioj: profesiaj, hobiaj, ideaj ktp. Ekzemple, ekzistas en Rusio tutlanda oficiala organizaĵo de blindaj esperantistoj. Iam la blinduloj havis en SEU-REU komisionon, sed poste fondis apartan asocion kaj nun tenas sin tiom distance de REU, ke ekz. mi eĉ ne scias precizan nomon de ilia asocio. Se tamen morgaŭ ili ekdeziros reveni en nian konsiston, ili ja rajtos aliĝi kiel kolektiva membro, sed anonci sin aliĝinta kolektivo (laŭstatute “regiona organizaĵo”) ili ne povos.

El tio, ke aliĝintaj kolektivoj estas la iamaj “primaraj organizaĵoj”, sekvas la simpleco de ilia konsisto: ili nur unuigas homojn sur la suba nivelo. Sed kolektivaj membroj, estante oficiale registritaj sociaj unuiĝoj, povas mem havi komplikan strukturon kaj konsisti el individuaj kaj kolektivaj membroj, regionaj organizaĵoj aŭ/kaj filioj ktp – do havi ĉion, kion ili sukcesis enskribi kaj legitimigi en siaj statutoj (ĉe tio tute ne ekskludeblas paradokso, ke io malpermesita por iu organizaĵo, ekz. REU, evidentiĝus permesita por alia).

Do, la paralela ekzistado de la du terminoj, eĉ se hodiaŭ ĝi povus ŝajni superflua, tamen konservindas: eble morgaŭ aperos situacio, en kiu unu el la terminoj ne aplikeblas, sed uzeblas la alia.

**Variantoj, solvoj, demandoj**

Nun mi provu klasifiki kaj analizi kelkajn tipajn kazojn pri statuso de E-kolektivoj interne de REU – ĉu realajn, ĉu principe eblajn.

Se loka klubo estas oficiala, ĝi teorie povas anonci sin en REU laŭplaĉe ĉu kiel kolektiva membro, ĉu kiel aliĝinta kolektivo. Sed por trakti la klubojn unuece, ili ĉiuj estas registrataj kiel aliĝintaj kolektivoj. La termino "kolektiva membro" restas rezervita por organizaĵoj oficialaj, translokaj, komplik-strukturaj. Kiel ajn, por oficialaj translokaj kolektivoj restas nur la varianto "kolektiva membro", kaj por lokaj neoficialaj kluboj – nur "aliĝinta kolektivo".

Malforta loko en ĉi tiu klasifiko estas la kazo, ke la kolektivo estas nek loka, nek oficiala. Kiu opinias, ke tio estas nur teoria elpensaĵo, tiu eraras. Rememoru pri REJM, kiu estas ĝuste tia. Kiam ĝi, ne oficialiĝinte, decidis plenkonsiste integriĝi en REU, ĝi ne povis iĝi aliĝinta kolektivo (ĉar ne estas "regiona organizaĵo"), nek kolektiva membro (ĉar neoficiala)! Do necesis alispeca solvo, kaj REJM iĝis junulara sekcio de REU, samkiel TEJO en UEA.

Ĉiam restas aktuala la demando pri oficialigo de kluboj surloke. En tio oni povas vidi kaj plusojn kaj minusojn. Certe, per oficialaj kluboj pli facile solveblas organizo de E-aranĝoj en respektivaj lokoj, la oficialeco donas pli firman agadbazon kaj plifortigas la klubojn. Sed en la lasta konstato videblas ankaŭ danĝereto por REU, ke oficialaj kluboj, eksentinte propran forton, povas iĝi memsufiĉaj kaj turniĝi al la landa organizaĵo dorse...

Praktikaj konsiloj por oficialigo de la kluboj, kompilitaj de N.Gudskov, aperis en Jarlibro de REU por 2001/2002, p. 25-28; legu ankaŭ mian komenton en REGo № 2 (9), p. 22-23.

# Ruslingvaj E-varbiloj

Rusia Esperantista Unio eldonis ruslingvajn varbilojn, kiuj estas bazitaj sur la pli frue eldonita flugfolio, farita de A.Grigorjevskij, "Просто ещё одна мечта". La paĝo, enhavanta E-lecioneton, estas la sama kiel pli frue. La ekstera paĝo estas refarita. **Kluboj kaj individuoj estas invitataj aĉeti la varbilojn.**

Prezoj (ekzempleroj): 100 – 200 rub.; 200 – 400 rub.; 300 – 550 rub.; 400 – 650 rub.; 500 – 750 rub.; 600 – 800 rub.; 700 – 850 rub. Pli – laŭ interkonsento.

Malrabato por nemembroj (klubaj kaj individuaj) de REU en 2012: 20%. Sendokosto ne estas inkludita.

Mendantoj krome ricevos **senpage** iom da ekzempleroj de:

– alia flugfolio kun la malnova bildo el la revuo "Трамвай" (pri "bovo");
– kalendareto de Lernu.net.

Dezirantoj aĉeti kontaktu la Estraron. REU dankas Andrej Grigorjevskij kaj Maksim Griŝin (presinto kaj donacinto de senpagaj materialoj).

# REU subtenas la aranĝojn en 2012

***VER-15***
***Volgia Esperantista Renkontiĝo***
*01-a – 06-a de julio 2012*

**Atentu! VER komenciĝos je unu tago malpli frue, ol estis anoncita.**

Vin atendas VERa somero!

Ĉi-jare la tradicia Volgia Esperantista Renkontiĝo kun la subteno de Rusia Esperantista Unio okazos jam la 15-an fojon vere surborde de nia akvoplena rivero kaj (iom rompante la tradicion) dum pli varma sezono kaj pli longa tempo.

Vi spektos pitoreskan panoramon de la montaro Ĵiguli, dekstre – akvobaraĵo de hidrostacio, maldekstre – arbarkampoj de la fama Gruŝinskij festivalo.

Loko: la turbazejo “Transportnik” apud la vilaĝo Fjodorovka, inter la urboj Samara kaj Toljatti.

Prezoj por loĝado (ĉiu prezo por 1 tagnokto por 1 persono):

| | |
|---|---|
| dometoj kun lavejo kaj necesejo | 400 rubloj |
| lignaj dometoj (necesejo estas ekstere) | 300 rubloj |
| amasloĝejo (kun propraj dormosakoj kaj tapiŝetoj) | 200 rubloj |
| tendo (propra de partoprenantoj) | 100 rubloj |
| loko en "koteĝo" | 800 rubloj |

Manĝado – 450 rubloj/tage, eblas mendi partan (maten-, tag-, vespermanĝon) kaj vegetaran manĝadon.

Aliĝkotizoj:

| | |
|---|---|
| ĝis 01.05 – | 500 rub |
| poste kaj surloke | 700 rub. |

Rabato por membroj de REU – 20%. Infanoj ĝis 15 jaroj la aliĝkotizon ne pagas.

En la programo: diversnivelaj E-kursoj, prelegoj pri famaj esperantistoj (dediĉe al la 125-jariĝo de lingvo), interŝanĝo de sperto pri kluba agado, diskutoj (ekzemple: "E-domo en Rusio – ĉu reala afero?"), distraj programeroj, ekskursoj (estas planataj ekskursoj en Toljatti kun vizito al teknika muzeo de Avtovaz kaj laŭ transa flanko de Volga – vilaĝo Ŝirjaevo, muzeo de I.Repin, fonto "Kamennaja Ĉaŝa").

La fakta programo dependos de viaj deziroj, proponoj kaj kontribuoj.

Ni pretas fari apartajn E-programerojn por infanoj, do bonvenas infanoj E-parolantaj kaj ne parolantaj.

Krome estas ebleco resti en la bazejo por la 7-8-a de julio, kiam okazos ĉefaj eventoj en la Gruŝinskij festivalo.

Ĉeforganizanto: Jelena Kuznecova. Retadreso: <espersam@yandex.ru>, telefonnumero: +7-906-1273516

Pagmanieroj:

Oni povas pagi per bankmaŝinoj (“bankomat”) de Sberbank “de karto al karto”. La kartnumero kien oni pagu la monon: 67619600 0108652745.

Krome oni povas sendi monon al la karto de “Moskomprivatbank”, la numero estas 4627830331871967, la konto (счёт) 40817810599903377463.

Poŝte oni povas sendi monon al: 443082 Самара, ул. Владимирская 37-19, Елене Николаевне Кузнецовой.

***RA-7***
***Renkontiĝo de Amikoj***
*17-a – 25-a de julio 2012*



RA estas ege vojaĝema, kaj julie ĝi startas al orienta parto de Rusio, al la urbo Irkutsk kaj la lago Bajkalo. Bajkalo estas unika lago. Ĝi estas la plej profunda en la mondo, ĉirkaŭ la lago troviĝas pitoreska naturo. Indas veni kaj ekvidi ekologian sistemon de la lago, kiu puriĝas sin mem, kiu havas endemiajn floraron, fiŝaron kaj bestaron. Ĉi-jare estas planata tre interesa dutaga ekskursa programo.

La unua tago: Alveno en Irkutskon, enloĝiĝo. Tagmanĝo en la urbo. Posttagmanĝa busa ekskurso tra la urbo (3-hora). Vespermanĝo.

La dua tago: Ekskurso per trajno laŭ la ĉirkaŭlaga fervojo (12-hora). Transsiberia fervojo estas elstara arkitekta kaj inĝeniera konstruaĵo lime de la 19-a kaj la 20-a jarcentoj. Dum la ekskurso ni veturos 84 kilometrojn, elvagoniĝante laŭ la vojo por trarigardi la plej interesajn konstruaĵojn, pontojn, tunelojn. Vespere alveno al la bazejo "Bolŝie Koti".

Aliaj tradiciaj programeroj: E-kursoj por komencantoj, konversaciaj rondoj por progresantoj, sportumado, kantado de E-kantoj. Oni ankaŭ proponas al vi ĉevalrajdadon kaj piedirajn itinerojn.

"Bolŝie Koti" troviĝas 90 kilometrojn for de Irkutsko en pitoreska loko apud la lago, kaj proksime de ĝi estas vera tajgo, riĉa je fungoj, beroj, raraj floroj kaj bestoj.

Prezoj: 350-600 rublojn por tagnokto (por infanoj estas malgrandaj rabatoj),

dependas de la kondiĉoj de loĝado. Loĝado en 2-4-litaj ĉambroj, littolaĵo estos donita. Eksteraj necesejoj. Kontraŭ aparta mono oni disponigas banejon kaj duŝejon. Estas ekstera komuna placeto sub la tegmento por programeroj.

Manĝado: memzorge organizota de ni per laŭvica deĵorado apud la fajro (triope po du-tri fojoj dum la semajno). Kostas 300 rublojn tage.

Aliĝkotizoj

| | 0-14 jaroj | 15-24 | Pli ol 25 |
|---|---|---|---|
| II-periodo ĝis 1-a de majo | 100 rub. | 500 rub. | 700 rub. |
| Poste kaj surloke | | | |

Ĉeforganizanto: Jekaterina Arbekova. Retadreso: <katka8@ngs.ru>; telefonnumero: +7-913-9219498.

## La porinstruista seminario ne okazis

La por-instruista seminario, pli frue anoncita de REU, ne okazis en la menciitaj datoj.

La ĉefa kialo estas ke la universitato "Justo", kie devus okazi la seminario kaj kiu konsentis enmanigi al partoprenantoj koncernajn diplomojn, nun estas en "aliaj manoj" kaj la novaj posedantoj ne bezonas Esperanton kaj ĉion, ligitan kun ĝi.

La seminario ne estas ĝenerale nuligita, sed ĝi prokrastiĝas por neklara tempoperiodo ĝis ni trovos novan lokon.

## REU subtenis junajn partoprenantojn de “APERO”

Rusia Esperantista Unio finance subtenis junajn partoprenantojn de "APERO" (tradicia aranĝo de la moskva junulara E-klubo MASI).

Dank' al la subvencietoj de REU, la partopreno en la renkontiĝo fariĝis iom pli facila por kvin junaj esperantistoj inter 17- kaj 23-jaraĝaj.

Laŭ raporto de la ĉeforganizanto Irina Gonĉarova, ĉiuj subvenciitoj aktive interkomunikiĝis kaj partoprenis la progamon.

## REU-kotizoj por 2012

## – mecenata kotizo: 500 rubloj

*Inkluzivas ĉion de la individua kotizo (vd. sube), sed surla membrokarto estos skribita "Mecenato de REU".*

**– individua kotizo ekde la 1-a de marto 2012: 250 rubloj (por eksterKSŜanoj – 25 eŭroj).**

*Inkluzivas membrokarton, Jarlibron en elektronika formo (laŭpete – ankaŭ en la papera; la Jarlibro aperos komence de 2013), Bultenon de REU en elektronika formo (laŭpete – ankaŭ en la papera) kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton dum Konferencoj de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU. La individua kotizo validas por la kalendara jaro 2012.*

*NB! Pagante jarkotizon antaŭ la 29-a de februaro vi ne nur helpas REU, sed ankaŭ ŝparas iom da propra mono. Se oni pagas la kotizon ne persone al la kasisto, la dato de pago estas kontrolata laŭ poŝtkvitanco.*

***Nova dumviva membro de REU fariĝis Vladimir Sibircev el Novosibirsk. Dankon al li pro la subteno!***

**– dumviva kotizo: 5000 rubloj (por eksterKSŜanoj – 500 eŭroj)**
*Inkluzivas ĉion de la individua kotizo dumla tuta vivo de la membro.*

**– familia kotizo: 100 rubloj**
*Inkluzivas membrokarton, voĉdonrajton dum REU-Konferencoj, rabatojn en E-aranĝoj de REU. Je familia kotizo rajtas parencoj de individuaj, dumvivaj aŭ mecenataj membroj, kiuj loĝas ĉe la sama adreso.*

**– kolektiva kotizo: 70 rubloj por ĉiu aligita membro (aliĝintaj kolektivoj pagas min.por 5 membroj).**
*Inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro de REU por kluboj kun 10-15 aligitaj membroj (kaj por ĉiu aldona deko da aligitaj membroj), aliajn informojn de REU por la kolektivo; membrokartojn, voĉdonrajtojn en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU.* ***Se klubo pagas por malpli ol 10 membroj, ĝi devas aparte aboni REGon****.*

**– aliĝkotizo por novaj aŭ realiĝintaj kluboj – 300 rubloj.**
*Unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. Jam aliĝintaj kolektivoj ne pagas. Nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se kolektivo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi poste devas denove aliĝi al REU.*

## Pagmanieroj

**1. Poŝta ĝiro:** 142717 Московская область, Ленинский район, п/о Развилка, до востребования, Наталье Николаевне Шороховой.

**2.** En **Yandex-Dengi** oni povas pagi al la monujo 41001612527392.
3. Pagi kotizon (post anticipa interkonsento) ankaŭ oni povas **persone en Moskvo**.

4. Tra **Sberbank**.
– Se vi havas propran bankan karton, emisiitan de Sberbank, vi povas ĝiri la monon rekte tra bankmaŝino (банкомат). Tiucele enigu la karton, entajpu vian identigan kodon, kaj poste elektu en la menuo: "**Перевод средств**". Entajpu numeron de la karto: 6761 9600 0012 682622 kaj la necesan sumon.
– Se vi ne havas karton aŭ aŭtomata ĝiro ne sukcesis, vizitu bankon kaj transpagu la monon, uzante ĉi-subajn datumojn:
Банк получателя: ОАО "Сбербанк России"
БИК 044525225, ИНН 7707083893, КПП 775003035, ОКАТО 45286580000, ДО № 0135, 121069, Москва, Поварская улица, 31/29.
Получатель: Шорохова Наталья Николаевна.

Номер счёта получателя: 40817 81003 82604 04119, код подразделения 9038/00135.

Bonvolu nepre konsideri, ke samtage kun la ĝiro vi devas retpoŝte aŭ telefone informi nin pri via pago (pere de la adreso **membreco@reu.ru** aŭ numeroj de estranoj). Vi devas informi pri la ĝirita sumo kaj la nomo(j) de persono(j), por kiu(j) estas destinita la pago. Se vi ne informos nin, la mono estos konsiderata kiel anonima donaco por la kaso!

---

## ĈU TROVEBLAS LETEROJ DE LA MORTPUNITA SAMIDEANO?

1937. Sovetia sekureca servo arestis kaj pafekzekutis vilaĝan lernejestron en Brjanska regiono. Petro Lukjanin estis pedagogo, poeto kaj esperantisto. Ĝuste lia internacia interkorespondo iĝis ĉefa "pruvo de la kulpo": certe li "spiono" estis! La enketisto eĉ unufoje ne protokolis korekte la vortojn "Esperanto" kaj "esperantistoj". Li skribis: "De kiu tempo vi iĝis membro de la ekspiranta Unio?" aŭ "Diru la nomojn de viaj eksterlandaj korespondantoj-eksperantoj" ktp...

Neniu en la provinca distrikto povus tralegi la eksterlandajn leterojn en Esperanto, sed tio tute ne gravis por "aŭtoritatoj". Ili eĉ ne konservis ĉi tiujn "pruvojn".

Valentin, la plej juna filo de P.Lukjanin, naskiĝis jam post la pereo de la patro. Nun li jam pli aĝas...

Decembre de 2011 Valentin Lukjanin aperigis en la literatura revuo "Ural" rakonton pri sia patro kaj planas eldoni ĉi rakonton libroforme, aldononte la poemojn de Petro Lukjanin, verkitajn en la rusa, pola kaj belorusa lingvoj. Certe V.Lukjanin ĝojus aldoni iajn leterojn de la patro, se ili konserviĝis ie en Francio, Svedio aŭ Hispanio. Jen kio estis fiksita en la protokoloj: "Mi havis korespondadon kun la lernejana rondeto de la 1-a Lernejo de Parizo, kaj poste korespondis kun lernejanoj de 6-a klaso el Neningam, Svedujo, kaj kun la gvidanto de la lernejana rondeto Henriko... kaj kun la rondeto de Hispana junularo en Barcelono".

La filino de V.Lukjanin loĝas nun en Hispanio, ŝi provis trovi spurojn de la avaj leteroj helpe de tieaj esperantistoj, sed malsukcesis. Certe, Franco persekutis esperantistojn samkruele kiel Stalin kaj Hitler, sed Francio kaj precipe Svedio estis multe pli stabilaj landoj...

Valentin Lukjanin skribis al mi: "Dubindas, ke mia patro verkis poemojn en Esperanto, ĉar li lasis la poezion meze de la 20-j jaroj...". Sed ŝajnas al mi, ke la talenta homo, esperantiĝinta en 1930, nepre provis ion verki en nia melodia lingvo – almenaŭ traduki versaĵojn de ŝatataj poetoj. Povus esti, ke liaj poemoj (tradukaĵoj) konserviĝis en iaj lernejaj, pedagogiaj aŭ personaj arkivoj. Lukjanin-filo apenaŭ kredas, ke io restis... Sed ni, esperantistoj, ja devas esperi!

Provu ni helpi al la filo de nia senkulpe mortpunita samideano. Se iu havas informojn pri Petro Lukjanin, bonvolu skribi al mi laŭ la adreso <slavero@mail.ru>. Ankaŭ estos bone, se iu sukcesos transsendi la peton al svedaj kaj francaj dissendolistoj kaj E-aj ttt-ejoj.

***Vjaĉeslav Roĵdestvenskij (Ĉeljabinsk)***

# Eksciu, ke...

## UEA RETENIS LA MEMBRONOMBRON

Laŭ la oficiala statistiko, aperinta en la aprila numero de la revuo *Esperanto*, en 2011 UEA havis 5321 individuajn membrojn en 118 landoj, t.e. je 33 pli ol en 2010. La pinto (12 landoj) konsistis el Francio (534; -13), Germanio (502; -4); Brazilo (385; +11), Japanio (358; -8), Usono (285; -10), Nederlando (233; -6), Italio (181; +1), Rusio (144; +56), Hispanio (142; +1), Svedio (142; +8), Belgio (136; -1), kaj Britio (133; -2). En Kubo, la lando de la Universala Kongreso en 2010, estis 107 membroj (-54), kaj en la pasintjara kongreslando Danio 109 membroj (+6).

Iom malkreskis la nombro de aligitaj membroj, t.e. tiuj membroj de la landaj asocioj, kiuj ne estas samtempe individuaj membroj de UEA. Ili nombris 10480 (-47). Sur la unua loko estis Ĉinio kun 1051, same multe kiel en 2010. Por pli ol 300 aligitaj membroj pagis Japanio (908; +7), Pollando (750; +50), Italio (678; -93), Germanio (653; -18), Belgio (461; +59), Kroatio (398; +139), Usono (386; -102), Britio (336; -3) kaj Svedio (314; +15).

La tuta UEA-membraro, kiu konsistas el la individuaj kaj aligitaj membroj kune, estis pasintjare 15801 (-14). Malpli ol 30-jaraj estis 373 individuaj membroj, kiuj do samtempe estis individuaj membroj de la junulara sekcio TEJO (+49). Krome, 1714 el la aligitaj membroj estis malpli ol 30-jaraj (-20), tiel ke TEJO havis entute 2087 membrojn (+29).

La revuo *Esperanto* havis pasintjare 3300 pagitajn abonojn (-208) kaj la renovigita revuo de TEJO, *Kontakto*, 653 (+56).

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## ESPERANTOMUZEO: DE REKORDO AL REKORDO

Sensacian rekordon povas festi la Esperantomuzeo de la Aŭstria Nacia Biblioteko: 9 781 vizitantoj venis dum la jaro 2011 por vidi la ekspozicion. Por komparo: en 2009 ankoraŭ estis 5 886, en 2010 jam estis 7 523. La kialo de tiu preskaŭ duobliga kresko en nur du jaroj estas plurfaceta: la muzeo ofertas specialajn programojn, kiuj trovas grandan intereson ĉe la publiko: Longa Nokto de la Muzeoj, Longa Nokto de la Lingvoj, Tago de Monumento, Tago de la Malfermita Pordo. 41 lernejaj klasoj partoprenis la ekskursojn por infanoj kaj junuloj. 870 personoj, precipe lernejanoj kaj metilernantoj, ĉeestis fulm-

De la 2-a ĝis la 12-a de januaro grupo de junaj tenisistoj el Sankt-Peterburg studis E-on en Finnlando en sporta centro. Post semajna kurso ili havis praktikon kun finnaj esperantistoj. La junaj tenisistoj ankoraŭ ne povis flue paroli, sed iom komprenis kaj povis partopreni en konversacio. Ĉi-somere ili studos E-on en Francio dum periodo de sporta ekzercado. La lingvon instruas Anna Butkeviĉ, ŝi estas ankaŭ iniciatinto de tiu ĉi projekto. Helpas trejnisto Artjom Kirillov, kiu ankaŭ studas la internacian lingvon. Esperanto kaj sporto estas bonega kombinaĵo!

***Anna Butkeviĉ (Sankt-Peterburg)***

kursojn pri Esperanto. Al tio aldoniĝas, ke la Aŭstria Nacia Biblioteko, al kiu apartenas la Esperantomuzeo, faras profesie altnivelan publiklaboron, kio kreskigis konsiderinde la averaĝan nombron de la ĉi-utagaj vizitantoj.



*Ekskurso de infana grupo (Foto: Oentrich por ONB)*

Alia kialo de la pozitiva bilanco certe estas la fakto, ke la koncepto de la muzeo sin direktas al personoj, kiuj ĝenerale interesiĝas pri lingvoj kaj metas Esperanton en la pli vastan kuntekston de la lingva problemo unuflanke, kaj de historia evoluo aliflanke. Esperanto prezentiĝas al la publiko do ne kiel kuriozaĵo, sed kiel parto de la monda kulturo. Relative laŭ sia grandeco, la Esperantomuzeo estas la plej ofte vizitata muzeo en Vieno.

**El la historio de la Esperantomuzeo**

La Esperantomuzeon fondis Hugo Steiner en 1927 en formo de asocio, sed jam en 1928 ĝi fariĝis laŭ oficiala kontrakto parto de la Aŭstria Nacia Biblioteko. La solena inaŭguro okazis en 1929 en la pompa salono de la kastelo Hofburg.

Post kiam la nazioj invadis Aŭstrion (1938), la Gestapo fermis la muzeon, kaj oni planis sendi la librojn al Berlino por kreota biblioteko de libroj malpermesitaj fare de nazioj. Sed la argumento, ke la havaĵoj de la Esperantomuzeo apartenas al la Aŭstria Nacia Biblioteko, efike malebligis tiun transporton.

La remalfermo okazis en 1947 en Hofburg sub Mikaela kupolo. En 1990 fondiĝis per ministeria decido la Kolekto por Planlingvoj kaj tiel strukture disiĝis la funkcioj de muzeo kaj biblioteko.

En 2005 okazis solena malfermo de la komplete renovigita muzeo en la palaco Mollard, kiu situas en la centro de Vieno.

***Bernhard Tuider (Aŭstrio)***

## UEA EN KONSULTA PARTNERECO KUN UNESKO

Universala Esperanto-Asocio fariĝis konsulta partnero de Unesko, la Organizo de UN por Edukado, Scienco kaj Kulturo. Tiel decidis la Ĝenerala Direktoro de Unesko, s-ino Irina Bokova, konforme al la novaj gvidlinioj pri la rilatoj de Unesko kun Ne-Registaraj Organizaĵoj (NRO-j). Laŭ la novaj gvidlinioj ne plu temas pri rilatoj sed pri partnereco por pli bone esprimi, ke Unesko celas kunlabori kun NRO-j por la komunaj celoj sed ne nur formale rilati kun ili. Por Unesko NRO-j estas gravaj, ĉar pere de ili ĝi rekte atingas la civilan socion preter la ŝtataj strukturoj.

UEA havas oficialajn rilatojn kun Unesko ekde 1954. Antaŭe estis tri kategorioj. UEA troviĝis en la lasta kategorio. Ekde nun estas du kategorioj: asocia kaj konsulta partnerecoj. En la unua estas akceptataj nur malmultaj grandaj NRO-j. La konsulta partnereco ne estas tempe limigita, sed la koncernaj NRO-j devas montri konstantan aktivecon kaj daŭre kontribui al la agadoj de Unesko. Por ke la partnereco estu sur firma kaj serioza bazo, Unesko asignas ĝin nur al NRO-j, kiuj havas establitan centran oficejon kaj plenumas ankaŭ aliajn postulojn.

La 29-an de marto forpasis ***Josi Shemer*** (1950-2012) – unu el la pilieroj de la israela E-movado dum pli ol kvar jardekoj, internacie konata kaj ŝatata esperantisto. Li estis redaktoro de la revuo "Israela Esperantisto" dum longaj jaroj, antaŭa prezidanto de ELI (Esperanto-Ligo en Israelo) kaj lastatempe – ĝia sekretario kaj kasisto. Dum multaj jaroj li senlace gvidis la Tel-Avivan klubon kaj estis UEA-Delegito en Tel-Avivo.

***Amri Wandel, Prezidanto de ELI***

La plej longedaŭra kontribuo de UEA al Unesko estas la eldonserio "Oriento-Okcidento", en kiu ekde 1961 aperis 49 elstaraj mondliteraturaj verkoj en Esperanta traduko. UEA esperantigis kaj eldonis ankaŭ librojn k.a. materialojn de Unesko. La temo de la Universala Kongreso, ofte ligita al speciala jaro aŭ jardeko de Unesko, estas pritraktata en kongresaj programeroj. Multaj UK-oj ricevis mesaĝon de la Ĝenerala Direktoro de Unesko, laste la 96-a UK en Kopenhago. UEA partoprenis en diversaj kampanjoj de Unesko; ekz. en la kolektado de subskriboj por la Manifesto 2000 por Kulturo de Paco kaj Senperforto ĝi estis inter la plej aktivaj NRO-j.

Pro sia oficiala statuso UEA havas pli facilan aliron al la Ĝenerala Konferenco kaj aliaj aranĝoj de Unesko. La plej elstaraj kaj daŭre valoraj atingoj de UEA ĉe Unesko sendube estas la rezolucioj de la Ĝeneralaj Konferencoj en Montevideo en 1954 kaj en Sofio en 1985 kiel la internacie plej gravaj rekonoj al Esperanto kaj Universala Esperanto-Asocio.

La konstantaj reprezentantoj de UEA ĉe la sidejo de Unesko en Parizo estas Renée Triolle, Barbara Despiney kaj François Lo Jacomo. Unesko estas en oficiala partnereco kun 368 internaciaj NRO-j.

---

*Noto: Pri la nova statuso de UEA ĉe Unesko oni povas uzi tri esprimojn: UEA havas la statuson de konsulta partnereco kun Unesko; UEA estas en konsulta partnereco kun Unesko, aŭ UEA havas konsultan statuson ĉe Unesko.*

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## 35-a ESPERANTOLOGIA KONFERENCO EN HANOJO

Esperantologia Konferenco estas jam tradicia programero de la Universala Kongreso de Esperanto. Ĝin organizas la Centro de Esploro kaj Dokumentado pri Mondaj Lingvaj Problemoj (CED), unuafoje ĝi okazis en Varno en 1978. La 35-an sesion en Hanojo la 2-an de aŭgusto gvidos prof. Christer Kiselman kun Mélanie Maradan. La programo antaŭvidas kvin prelegojn.

Nguyen Xuan Thu parolos pri la esperantigo de vjetnamaj personaj nomoj kaj loknomoj. S-ro Nguyen estas kunkompilanto kaj redaktanto de la aperonta granda

Esperanta-vjetnama vortaro. La prelego de Kadoja Hidenori, ĉefredaktoro de la japana revuo *Syakaigengogaku* (Sociolingvistiko), temos pri la teoria bazo de la Esperanta frazeologio. Heidi Goes el Belgio, el kies instrua agado en Indonezio rezultis vigla movado, montros, ke ĝia historio tamen aĝas jam pli ol 100 jarojn.

Prof. Ilona Koutny, kiu interalie gvidas la Interlingvistikajn Studojn de la Universitato Adam Mickiewicz en Poznano, traktos la problemaron, ĉu Esperanto sekvas specialajn semantikajn skemojn, kiugrade ĝi spegulas la semantikan sistemon de siaj fontolingvoj, kaj kiugrade ĝi kreis propran sistemon. La svisa terminologino Mélanie Maradan enkondukos en la terminologiajn principojn de Eugen Wüster, la fondinto de la terminologia scienco.

La prelegoj estos poste publikigitaj kiel aktoj ĉe la Libroservo de UEA. Aktoj de pluraj antaŭaj Esperantologiaj Konferencoj estas ankoraŭ haveblaj .

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LOGA SOMERA PROGRAMO
## EN LA FRANCA ESPERANTO-KASTELO GREZILJONO

**Somera programo** kun 4 laŭtemaj semajnoj (resumo en <http://gresillon.org/somero>):

**Art-amatora semajno** (21-28.07) kun teatro, muziko, dancoj, kantoj, korpomovoj kaj intensaj kursoj. Informoj en <http://gresillon.org/s1>.

**Alternativa semajno** (28.07-04.08) kun verd-politika seminario kaj E-kursoj; por vegetaranoj, verduloj, ekologio-ekonomiko-alternativuloj, naturistoj kaj tendumantoj. Informoj en <http://gresillon.org/s2>.

**Turisma kultura semajno** (04-11.08) kun kursoj de franca lingvo kaj Esperanto antaŭtagmeze, ekskursoj al reĝaj kasteloj ĉe rivero Luaro posttagmeze. Informoj en <http://gresillon.org/s3>.

**Pupteatra festivalo** (11-20.08) por infanoj, junuloj, familioj. Farado de manpupoj kaj vesperaj spektakloj kun Christoph Frank. Muziko, gitaro, sporto, ludoj kaj E-kursoj. Informoj en <http://gresillon.org/s4>.

***Por ĉiuj demandoj kaj informoj bonvolu uzi jenajn kontaktojn***: rete: <kastelo@gresillon.org>, <www.gresillon.org>; telefone: +33-2.41.89.10.34; letere: Gresillon, 49150 SAINT MARTIN D'ARCE, France. Jara agendo: <http://gresillon.org/agendo>.

***Bert Schumann***
***(Francio)***



*dum Novjara festo en Greziljono*

## VERSAĴOJ DE NIKOLAO NEĈAJEV APERIS LIBROFORME




***Nikolao Neĉajev. Karavelo – Irkutsk, 2012***

Nikolao Neĉajev sendis al mi sian libreton donace.

Post monato mi ricevis plian ekzempleron de la sama libro, kun peto recenzi ĝin. Ĉu decas, – pensis mi, – ja unu el la poemetoj en la libro estas dediĉita al mi persone? Tamen la redaktoro certe almenaŭ trarigardis la poemaron, kaj decidis ke mi povos recenzi ĝin sufiĉe objektive...

Nikolao loĝas en Irkutsk, havas ekzotikan profesion – arta pozisto. Li e-istiĝis en 1990, ekde 2007 liaj poemoj regule aperadas en reta revuo "La Karavelo", kaj jen estas lia unua aparta papera poemlibro.

La enkonduka titola poemo estas dediĉita al la menciita revuo – kun dankesprimo kaj bondeziroj:

Sub romantiko vela
Mi fuĝis el banalo
Al poezio bela,
Al bela idealo.

Dorskovrile la aŭtoro diras: "Tiel mi eknavigis en poezion..."

Nikolao estas homo milda, amanta la naturon. Li admire priskribas sian regionon – Bajkalon. Li observas la ĉirkaŭaĵojn en diversaj sezonoj – "Finaŭguste", "Novembra aŭroro", "Maja foliaro"; la libreton finas ciklo de hajkoj "Kalendaro".

Ne nur lagoj kaj arbaroj allogas lin – ankaŭ belecon de homa korpo li scias pritaksi kaj priskribi. Certe tio estas ligita kun lia profesio – dank' al li kaj antaŭ liaj okuloj kreiĝas arta belo. Tamen li konfesas:

Korpan belon mi ne skulptas,
Tamen korpan belon kultas
(...)
Poste kreos mia plumo
Per literoj sur papero
Pri amoro, amkonkero
Riman, ritman versjuvelon
Kiu gloros korpan belon.

Memkompreneble, li aprobas naturismon. Ĉiu, eĉ foje provinta tiun ripozmanieron, konsentos pri absoluta vereco de la priskribataj sentoj.

Ankaŭ romantiko de tendaroj, de bardaj kantoj trovas lokon en liaj verkoj.

Ankaŭ versaĵoj pri Esperanto ĉeestas – tamen modere kaj modeste, ne okulfrape. Kelkaj poemoj estas eble iomete naivaj laŭ spirito, tamen ĉiuj teknike brilaj.

Bela kovrilpaĝo, certe, montras karavelon el la epoko de Grandaj Malkovroj, kun ventoplenaj veloj, sub nederlanda flago – kiu pro neĝusta reprodukto de koloroj aspektas preskaŭ hungara. La paper- kaj preskvalito estas tre bona – sed preseraroj bedaŭrinde tro multas. Plejparto estas korektita per skribilo, kio iom fuŝas la ĝeneralan impreson de la libro. Tamen, poezio restas poezio...

***Valentin Melnikov (Moskvo)***

## KONKURSO DE POEMTRADUKOJ – EROŜENKO

Ĉi-jare okazas kelkaj datrevenoj, ligitaj kun la fama E-verkisto Vasilij Eroŝenko:

– 100-jariĝo de lia unua eksterlanda vojaĝo;

– 90-jariĝo de “Fabeloj de Eroŝenko”, tradukitaj de Lu Sin;

– 60-jariĝo de la morto de Eroŝenko;

– 50-jariĝo de la unua libro de Eroŝenko en la rusa (“Koro de aglo”);

– 10-jariĝo de sukcesa laboro de internacia esplora grupo pri vivo kaj verkado de Eroŝenko (vidu <www.eroshenko-epoko.narod.ru> kaj <http://vk.com/im#/club_vasilij_eroshenko>).

Lige kun tio la menciita grupo anoncas konkurson pri traduko de poemoj de Eroŝenko al la rusa lingvo, eventuale ankaŭ al aliaj lingvoj. Temas pri la poemoj “Homarano”, “Malespera koro”, “Antaŭdiro de la ciganino”, “Lunkanto”, ĝis nun ne sufiĉe konataj al neesperantistoj. Originalojn eblas legi en: <http://autodidactproject.org/other/eroshenko_lumombro.html>.

La tradukojn pritaksos internacia ĵurio. Kiel premioj antaŭvideblas valoraj libroj. Konkursaĵojn bonvolu sendi elektronike al la sekretario de la konkurso Julia Patlanj – <patlan_yu@rambler.ru>, <patlan_yu@ukr.net> ĝis la 31-a de oktobro 2012.

***Julia Patlanj (Ukrainio)***

La eta Joĉjo kaj la invitita de li kamaradeto Toĉjo prepariĝis pasigi la nokton. Sed la malhela nokto iom timigas ilin, do ili vokas Krukon.

Joĉjo: Paĉjo, mi petas, kantu al ni lulkanton!

Kruko: He, vi estas iom grandaj por lulkanto. Kaj vi bone scias ke mi aĉege kantas.

Joĉjo kaj Toĉjo kune: Ho, ni petas, ni petegas, ni ŝategas vian voĉon, ĝi helpos al ni dormi, ni petegas!

Kruko: En ordo, en ordo! Jen:

“Bonan nokton, bonan nokton,
Miaj karaj infanetoj.
Bonan nokton, bonan nokton,
Sonĝu nur pri ludiletoj...”

Finante, li malŝaltas la lumon: Bonan nokton, uletoj!

Joĉjo kaj Toĉjo kune: Dankon, dankon, kaj bonan nokton!

Kiam Kruko estas for, Joĉjo flustras al Toĉjo: Nu, kia terura voĉo!

Toĉjo: Jes, sed tio certe fortimigis ĉiujn fantomojn kaj monstrojn!

***<esperanto-anekdotoj>***

## *Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)*
# Bildetoj el mia jarŝanĝa vojaĝo

### *Por la Interkona vespero*



Saluton, publiko mia,
bonkora gemuta ar'!
Hodiaŭ mi en la silento podia
refoje hezitas, ĉar
ne pro la pluvet' decembra
skuete min tiklas trem',
sed pro la konfida etoso sincera
mi vin readoras mem.

Sen vorta lavang' kaĵola,
per sentoj de mia kant'
mi volus intime aliri vin, do la
animon malfermu, aŭdant'!
Aŭskultu, perceptu, prenu,
kunportu en la anim',
la mondon revulan – aliĝu, bonvenu,
kaj kune ekkantos ni.

Ĝis nia renkonto vica
varmigu la kanta ben',
la mondo por ni estos malpli malica,
ĉar nun ni kuniras en
anima elano kanta
al fora fabela land',
kaj interkompren', ĉiujn nin kuniganta,
eternos en nia kant'.

*27.12.2011*

### *Al la pupoj kaj ilia kreantino*

En la salona svaga duonlum'
modestas la ekspozici' surtabla.
Aliras por rigardi mi kaj plu
observas en silent' kun mira gap' la
okulojn grandajn de l' pupeta ar',
korpetojn kaj vestaĵojn fantaziajn,
sen povo de la tabl' foriri, ĉar
la pupoj taŭzis ĉiujn pensojn miajn.

La pensoj flugas al fabela mond',
lasinte rutinaĵojn de l' programo,



kaj min plenigas pento kaj admon'
pri pura ĝojo kaj sincera amo.
Jes, malkomfortas vivo-ocean',
sed fuĝas tuj malbono ĉiu ajna,
kiam mi nur tuŝetas per la man'
mirindajn pupojn de pupinjo Anna.
*28.12.2011*

***Sklavaro de l' klavaro***

Gapas mi al la blu' ĉiela
en la avio, sidante ĉe la
dika virego, ekronkanta
kun fajfetado en ritmo kanta.
L' ronkon toleras pene mi kaj
revas pri miaj geamikoj,
foraj, sed baldaŭ jam apudaj
por babiladoj kaj por ludoj.

En la modela kolektivo –
nia sincera, bona IFo –
venos jarŝanĝe por semajno
komunikado – mia gajno!

Jen do ekbolas sinceraj sentoj!
Sed, post brakumoj dummomentaj,
ĉiu sin ŝovas en la azilon –
en kunportitan komputilon
por haste klavi tuj skrapnuke –
skajpe, retpoŝte aŭ fejsbuke.
Do babilado ne plu progresas,
ne plu nin ludoj nun interesas.

En la modela kolektivo –
nia sincera, bona IFo –
ĉiu apartas en trankvilo,
en sia konko-komputilo.



Sputas la fundo ekrana spame,
sed ni klavaron tuŝetas ame.
Pli ol amik' kun bier' en Knajpo
gravas por ni la gapad' en skajpo.
Mond' preferindas nun virtuala...
Mi ne komprenas do, kial al la
lok' malproksima veturi vane?
Klavu enhejme mi, surdivane.

Kaj la modela kolektivo –
nia sincera bona IFo –
en nuna mondo speciala
iĝos komplete virtuala.
*29.12.2011*

***En Nijmegen***




Aĥ, "De Pannenkoekenboot"!
La ŝip' estas vera komplot'
por mi, eksterlanda profano,
jes – kontraŭ la prud' kaj la
sano.

Ja min dum la tuta navig'
envolvas agrabla intrig',
kaj marvirinet' subplafone
svingadas la mamojn impone.

Ja en la unua ferdek'
post vico nelonga mi ek-
ricevas krespegojn tre plaĉajn
kaj multajn frandindajn almanĝojn.

En dua ferdeko, kun tuk',
mi gapas en mir' tra lumluk',
tenante en man' bierkruĉon,
por fari dek-ian eksuĉon.



Tra la esperanta parol'
mi aŭdas, ke jam barkarol'
el akordiono ekfluas…
Ni manĝas. Ni trinkas. Ni ĝuas.

Kaj kresp' malaperas post kresp'
sen ajna stomaka protest',
kaj la ĉielarko ekstere
l' kolorojn ofertas tenere.

Ĉu pledu mi do pri bojkot'
por "De Pannenkoekenboot"?
Ho ne! La ĝuanta stomako
detenas min kontraŭ atako.
Kaj regas min sata erot'
en "De Pannenkoekenboot".
*30.12.2011*

### *La promeno*

Pluvas en Xanten, pluvas…
Pluvo apenaŭ pruvas
mian bezonon paŝi,
de la kompanoj kaŝi
spurojn de tus', nazmuko,
haste en la naztuko.

Sekvas mi tamen, sekvas
ĉiujn, kaj ne infektas
per mia nazkataro
kernon de l' amikaro
dum nia ir' nelonga
al domo nibelunga.

Spertas ja, vere spertas
la ĉiĉeron', kaj certas
li pri nia forkur', se
ne gvidu li ekskurse.
Do gvidas li laŭtvoĉe,
lerte kaj senriproĉe.



Plore, nu preskaŭ plore,
mi ekkompatas kore
kvar ĉarmulinojn sudajn,
sub la pluvaĉ' apudajn.
Jes, la malseka lindo
taŭgas por kompatindo.

Pli la kompat' validas
se l' kompatanto ridas,
do ni ridetu kune –
gaje, provoke, sune, –
por l' amaset' malseka
estu subteno veka.

Pluvas en Xanten, pluvas.
Korojn la pluv' poluas.
Jen kuracil' komforta
kontraŭ poluo forta:
post enpluviĝo mava
sidi ĉe l' ĉarmo kafa.

*31.12.2011*

***Novjara tosto***

Du mil dekunua
forflugas en venta blovado,
pli-malpli enua
por mi kaj por nia movado.

Kaj venkoj, kaj perdoj
alternis en jara rutino,
sed revoj, la verdaj,
plu vagas tra l' onta destino.

Do kredas ni, vantaj,
ke tenas blubirdon en manoj…
Ho, jaroj sekvantaj,
protektu nin vivaj kaj sanaj!

*31.12.2011*



***Dumspektakle***

*Al Georgo*

Amiko mia Ludoviko
elstaras en aktora ŝiko,
lin ne malhelpas ventra vasto
surscene roli sen bombasto,
prosperi en aplaŭdo-varbo
eĉ malgraŭ manko de la barbo.

Amiko mia, Ludoviko
spertegas pri la homa psiko,
kaj foj-de-foje sen demando
regalas nin per ĉerizbrando.
Do tuj ekĝermas komprenemo
pri la esenco de l' problemo.

Amiko mia, Ludoviko
kun la eksmoda estetiko
rakontas membiografion,
kaj mi, scianta preskaŭ ĉion,
refoje gapas ekmiranta
al la ekĝermo esperanta.

Amiko mia, Ludoviko,
vin jam laŭdegis la kritiko,
do estu mia febla kviko
ankoraŭ unu eta briko
por piedestalo de l' scipov'
pri rol' de majstro Zamenhof.

*01.01.2012*



### *Uragan' en Parizo*

*Por Tanja*



Jen fajfo, jen hurlo, jen muĝo –
ho, mia Parizo!
Hodiaŭ vi dronas en grizo
de l' plej furioza pluveg',
kaj mia portempa rifuĝo
al vi, paradizo,
pro l' fia vetera surprizo
komplete fuŝitas, sed ek!

Tra l' fajfo, kaj hurlo, kaj muĝo
mi risku promeni
en via strataro sub pluvo
kun ĝu' masoĥista en kor',
kaj baldaŭ la suna ekruĝo
konvinkos min, ke ni
amikas, Parizo, kaj pruvo
ja estu postpluva aŭror'.

Parizo, amiko fidela,
vi vokas elane,
paŝadon necertan salutas,
kontenta pri mia alven'.
Ŝategas mi vin, mia bela,
kaj enuragane
ni tute intime apudas
dum tiu senzorga promen'.

*05.01.2012*

### *Fervoja historieto*

Mi konatiĝis kun fraŭlin'
entrajne.
Ni reciproke ŝatis nin.
Verŝajne,
bonŝancis inter ni amer'
trafulmi.
Ĉe l' takta bru' de "chemin de fer"[1]
ŝi kun mi
babilis, kaj parola ĉarm'
de ŝia
voĉet' sincera tentis, ĉar

---

[1] fervojo (*fr.*)

ebria
sen vin' pro l' tuja enamiĝ'
banala
mi estis. Lulis min feliĉ',
kaj al la
fraŭlinjo eĉ kantetis mi
ĝojplene.
Kisetis mian vangon ŝi
alvene,
kaj malaperis kun valiz'
en tramo,
dirinte nur: "Avoĉjo, ĝi-is!"
Eĥ, amo…

*08.01.2012*

### *Lille*

En januaro de l' jaro du mil
dekdua
gape promenis mi en urbo Lille,
kaj flua
voĉ' de afabla amiko, de Claude
racia
sonis kortuŝe por mia dorlot'.
Kaj mia
ujo memora ensorbis eĉ sen
protesto
scion iaman, ĉar ĝi estis en
forges', do
vante veninta dum vaga ripoz',
la scio
firme nestiĝis por ĉiam ja post
kranio.
Ho, ĉu memoras mi nun ĉion ĉi? –
Apenaŭ.
Sed la impreso plu vivas en mi,
kaj se nun
iu demandos en jaro du mil
dek-ia, –
diros mi:
– Jes ja, mi estis en Lille
magia!

*09.01.2012*



***Oostende***

Ostendo. Krepusko. Mark
min gvidas laŭ stratpavimo.
Mevaro pri strand-proksimo
kriade atestas. Mar'
per friska aero tiklas,
kaj la katedral' antikvas
en morne silenta ŝton'.
Prameto kunkudras bordojn,
kaj ŝaŭmo de l' spur' akordojn
sufloras por la kanzon'
pri vivo ĉe l' Norda mar',
mevkria kaj algodora.
Nealta ĉiel' angora.
Ostendo. Krepusko. Mark.

*11.01.2011*

***Kvin hajkoj ĉe la Norda maro***

La maro Norda.
Pro vervo venta
harar' senorda.

Senhoma strando
en januaro –
la mondorando.

Marŝaŭmo bolas.
Ĉe l' kaldronego
mi unusolas.

Mevaron flanken
ventego pelas –
la nubon blankan.

La kupra reĝo
ĉeborde frostas
sub meva neĝo.

*12.01.2012*



***Peer***

En la flandra profundo
pace dormas vilaĝo Peer.
Tie gapas mi nun do
al dormantaj dometoj per
la rigard', blindigata
de la freŝa maten-aŭror',

kun scivol' mia gvata
pri la vivo trankvila – por
veni nun determine
al la senco de propra viv',
kiu tamen al mi ne
lasis ŝancon por paca driv'.
En zorgeme tondita
arbustar' apud ĉiu dom',
en fenestroj kun pli da
trankvilec', ol bezonas hom',
en kvivito de merlo,
en rozruĝa aŭrora flam' –
ĉie nestas amero,
ero de la kvieta am'.
Alimonda gapanto,
mi en tiu ĉi tag-komenc'
kaptas ritmon de l' kanto,
la plej grava por vivosenc'.
*13.01.2012*



### *Antverpena posttagmezo*

Festenis vent' inter butikoj,
amaso celis subtegmenten,
kaj fulmo-sparkoj fantastikaj
en pluv' inokuliĝis venten.

De l' reklamiloj lum' neona
indiferente kolorigis
pluverojn, kaj nenio bona
min kun ĉi urbo, ŝajne, ligis.

Mi vagis vante kaj revante
pri l' varm' de eta kafotaso,
kaj gapis ĉien, evitante
interpuŝadon de l' amaso,

malsekiĝinte kaj senprede,
sur la pavim' stumblanta glite,
ĉe ekkrepusko ĉi-vendrede
esperon perdis, sed subite,

kvazaŭ signante dian benon,
por mi, post vica fulmo-sparko,
despere grizan Antverpenon
florigis pala ĉielarko.
*13.01.2012*

## *Mateno en Bruĝo*



Matenruĝo super Bruĝo
farbojn freŝajn metas fajne
sur kanalkvieton, kaj ne
tuj vekiĝas la urbet'.
Mia fuĝo sen prijuĝo
kontentigus min, verŝajne,
se nestiĝus, eĉ malgajne,
mi ĉe tiu ĉi kviet'.

Mi promene restas ene
de l' pilgrima paradizo,
ampleksiĝas la provizo
de impresoj miaj, ĉar
pacmiene gvidas pene
kaj rakontas kun precizo
pri la bruĝa civilizo
ĉiĉerono mia, Bart.

Freŝa klaro, butikaro,
ĉokoladoj kaj pralinoj,
fajnaj puntoj, belulinoj,
biciklantaj jen kaj jen, –
mia flaro pri la paro
ne plu fortas, sed inklinoj
ĉie gapi al fraŭlinoj
ve – ne pasas sen reven'.

Jam vekante lirlas lante
reva kant' de kariljono –
ie ekster mia kono
kuŝas tiu melodi'.
Tamen, vante ĝin aŭdante,
mi pleniĝas je la bono,
ŝato, amo kaj pardono
al la mondo ĉirkaŭ mi.



Matenruĝo super Bruĝo
cedas al la bluo pura,
fluas la varmet' velura
laŭ la suna januar'.
Jen en Bruĝo mi kun muĝo,
kun domaĝ' pri l' temp' forkura,
pri l' feliĉa, aventura,
dolĉa tag' de l' kalendar'.

*14.01.2012*

***Adiaŭo***

*Por Rosa kaj Valdemar*

La flughaveno de Duseldorf',
preskaŭ parenca.
Tien multfoje venigis min sort',
la bonitenca,
fiksis komencon de mia vojaĝ',
ankaŭ la finon,
benis aperon de mia kuraĝ'
por mergi min en
la aventurojn en nova medi',
tute necerta,
kun ektremeto sur luma podi'
antaŭkoncerta.

La flughaveno de Duseldorf',
brua azilo.
Tie fojfoje batadis la kor'
kun maltrankvilo.
En pompe brila butik-ilumin'
vagis mi sola,
kaj okulparo de ĉarma fraŭlin'
gvatis konsola.
La konatiĝon malhelpis naiv' –
kurta promeno,
sed enanime ekĝermis motiv'
por la reveno.



La flughaveno de Duseldorf',
pordo fabela
por la alveno, por la iro for,
certe, anĝela:
Ja de l' ĉiel' descendante al vi,
aŭ ekflugante,
apud lumluk', en arĝenta avi'
mi revas kante.
Falas moner' ĉe l' forira minor'
kun tinta rido...
La flughaveno de Duseldorf' –
ĝis la revido!

*16.01.2012*

# *Irina Gonĉarova (Odincovo)*

# Miaj tekstoj sur la poŝtkartoj por la partoprenintoj de APERO-6




**<u>Al Anima Trankvil'</u>**[1]
Anima trankvil',
Scivolema kuraĝo.
Venu senĝene
Al la vojaĝo.
Novaj impresoj,
Novaj amikoj,
Koraj karesoj,
Kantoj lirikaj.
Tiu apero –
por via feliĉ'.
Estu ne lasta
MASI-renkontiĝ'!



**<u>Al Lena Melnikova</u>**
Lenka-Helaterna –
nova printemp'.
Vi aperas ĉiam
en ĝusta temp'.
Jen sonorilete
sonas via rid',
Jen envii igas
svelta via vid'.
Krute, ke vi venis!
Pravas la ag'!
Plian alton prenis
Esperanto-flag'!



**<u>Al Klera Ŝtalfort'</u>**
Vidi vin en APERO
Estis ĝojo kaj gaj'.
Benu vin primavero,
L' sun' varmigu vin, kaj
Nova viv' Esperanta
Iĝu via destin'.
Tiu vojo malvanta
Al sukces' gvidu vin!

---

[1] Por la FaRo-kursanoj estas uzitaj iliaj kursaj kromnomoj.

**Al Maŝa Tereĥova**

Vi kiu estas, fajna fraŭlin?
El kiu urbo, kiu lando venis?
Kaj kiu vin por Esperanto benis?
Kaj kiuj mondoj interesas vin?
Apero via tre ĝojigas nin.
Ni vin atendis – estas pura vero.
Kaj via vivo, sorto kaj destin'
Printempe malfermiĝu pro l' APERO!



**Al Irina Gorodeckaja**

La vojon sendube superas la pen'.
Grandegas distanco, pezegas bagaĝo,
Sed ĝuste sufloras al vi via saĝo,
Ke indas APERO por la partopren'.

**Al Maksim Ĵitcenko**

Saluton, Maksjuŝa, klubano malnova!
Denove ni kunas, distancos denove.
Sed vian fidelon kaj preton al help'
Mi alte aprezas per koro kaj cerb'.



**Al Bruna Ŝtono**

Kara, printempo venos, ne dubu multe!
Ree ekkantos birdoj, disfloros tero.
Ree ekfartos ni en la mond' gemute –
Helpos al ni memoro pri la APERO!
Estas apero via por ni premio
Pro niaj penoj multaj kaj araj faroj.
Ni vin atendis, Miŝa, ĉar plu nenio
Povus riĉigi tiom ĉi amikaron.
Viaj rakontoj brilaj kaj viaj kantoj
Grave klerigis nian laikan rondon.
Samideanoj kreskas el parolantoj,
Iros cert-paŝe ili en Verdan Mondon.
Do, firme ni marŝu laŭ la difinita vojo.
Fartu bonege por nia komuna ĝojo!



**Al Misa**

Aĥ, Misa, – kiom da vintroj,
someroj kiom!
Venis printempo nova –
kaj vi aperis.
Kiel bonege esti denove kune!
Kiel bonege estus kune prosperi!